VIIIa jaro. No 136 ★ Duonmonata ★ 20 Decembro 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

**Jara abono** . . . . . . **2,00 $** (5 fr. »)
**Luksa eldono** . . . . . **2,50 $** (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :
HECTOR HODLER

**REKLAMO**

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco). **20 Sd.**
**Anonceto** (1 linio : 10 vortoj) . **15 Sd.**
**Korespondado** (1 enskribo) **20 Sd.**
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

**Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)**

**Okaze de la Nova Jaro, la Redakcio de " ESPERANTO " sendas al ĉiuj siaj legantoj kaj al ĉiuj Esperantianoj la plej korajn bondezirojn.**

## TEKSTO



## KIE NI STARAS

De 1900 ĝis 1908, Esperantismo travivis eksterordinare viglan propagandan periodon kaj, estinte preskaŭ tute nekonata afero, fariĝis en kelkaj jaroj unu el la grandaj universalaj movadoj de l'moderna tempo. Propagandaj gazetoj naskiĝis en ĉiuj landoj; societoj ĉie fondiĝis, kaj jam de 1905 ĉiujare kunvenis mil ĝis mil sepcent kongresanoj en ofte grandiozaj manifestadoj. Farinte sennombrajn publikajn kursojn kaj paroladojn, la esperantistoj fine atingis ian malfacilan momenton, kiam la publiko estis iom laca pri ilia propagando kaj ankaŭ pri polemikoj kun teoriuloj, kiuj proponis reformojn.

Tiam per ofte senkonscia kaj tute natura almoviĝo, ili returnis al interna vivado, al ĉiuspeca organizajo, al verkado, al praktika uzado de la lingvo. Plimultiĝis la specialistaj grupoj, la internaj nuresperantaj gazetoj, eldoniĝis amaso da novaj libroj kaj eĉ la tradukojn baldaŭ anstataŭis originalaj verkoj ĉiam pli oftaj. Post varma fervora sepjara somero ekstere pasigita sur la kampoj, la esperantistaj abeloj baldaŭ regrupiĝis en laŭte zumanta abelejo kaj diligente laboradis inter la utile aranĝitaj mielfakoj de la nove kreita U. E. A. Tiu kvarjara vintro hejme pasigita estis plej valora por ni. Uzante nian lingvon ni pli bone ekvidis, kiel vivanta ĝi estas, kaj ĉiam pli vivanta ni ĝin faris. Pli konstante rilatante unu kun la aliaj en laboro kaj diskuto, ni sentis nin pli kaj pli unu popolo, kaj esperantujo fariĝis nepre reala mondeto. Hodiaŭ ŝajnas, ke ĉie rekomenciĝas vigla propagandado, kaj 1913 anonciĝas kiel fruktodona jaro por la disvastigado de Esperanto. Sed tiun ĉi fojon nia propagandado estos multe pli efika. De tiu « interna periodo » ni multe lernis. La lingvon ni pli profunde studis : prepariĝis inter ni aro da lertaj instruantoj, al kiu bona materialo ankaŭ ne mankas. Kursoj de Esperanto nun estas seriozaj aferoj. Ne sole ni klopodos de nun uzi la plej bonajn el diversaj ekzamenitaj metodoj, sed ni instruos la lernantojn kun la tuja celo, ke ili uzu la lingvon. La situacio multe ŝanĝiĝis, kaj nun ofte la homoj *petos* nin por Esperanto-kursoj, kiam ili scios pri la tuja uzebleco de la lingvo. Niaj kursoj jam ne estas interesaj amuzajoj aŭ eksperimentoj, ili fariĝis preparadoj al internacia vivado. La tuja sankcio de l'uzado certe tre influas la laboron de ambaŭ instruantoj kaj lernantoj, kaj tre utile influas ĝin.

Ankaŭ nia propagando ne konsistos plu nur el senĉesa proponado pri bela ideo, ĝi estos ĉefe *informado* pri grava realajo, pri kontroleblaj faktoj. Se ni faros ankaŭ alvokon al la amaso, ni ĝin faros montrante la jam atingitajn rezultatojn, kaj tiom pli potenca estos tiu alvoko nia. Ni neniam plu kontentiĝos instiginte iun, ke li aĉetu lernolibron kaj ĝin eĉ atente tralegu, ni klopodos varbi ne nur lernantojn, sed ĉefe *uzantojn* de la lingvo. Ni estos nur kontentaj, kiam firmo aliĝos al U. E. A. kiel esperantia entrepreno kaj uzos la servojn kaj la jarlibron, kiam societo eldonos esperante

sian organon aŭ cirkuleron internacian, kiam privata persono fariĝos turisto por U. E. A. aŭ petos informon de ĝiaj delegitoj. Unuvorte ni estos nur kontentaj, kiam, en ia nova loko aŭ okazo, enradikiĝos la uzado de Esperanto kaj tiel grandiĝos por ĝi la potenca forto de l'kutimo.

Kun pli da unueco ni laboros : Estas ja bone, ke ĉiumonate eldoniĝas nun de kvindek ĝis cent novaj libroj en Esperanto. Estas ankaŭ bone ke samtempe la lingvon lernas mil novaj personoj. Sed estas ankoraŭ multe pli bone se, inter la unuj ni varbas legantojn por la aliaj. Propagando devas esti pli persista kaj daŭra, kaj ni devas ne nur disvastigi la lingvon inter eksteruloj, sed ankaŭ konatigi ĝian trezoron inter la jamlernintoj.

Tiun ĉi lastan monaton de jaro 1912 gravaj subtenantoj alvenas al Esperanto ĉiuflanke : Kuraĝigitaj de sia nova registaro, Ĥinoj nun fervore lernas Esperanton. En Londono nun okazas regulaj diservoj en esperanto por diversnaciuloj kaj la Brita Biblia Societo jus eldonis Novan Testamenton en Esperanto. En Leipzig la urbestraro organizas esperantokursojn por siaj oficistoj. Tie ĉi en Bedales enkondukas Esperanton en sian programon granda progresema kolegio kie studas la gefiloj de multaj famaj politikistoj, scienculoj kaj verkistoj. En Esperantujo U. E. A. preparas duoblan jarlibron kaj grandigas sian laborpotencon per starigo de garantia kapitalo.

Per ĉiuspecaj gravaj signoj anonciĝas vasta sukcesado por 1913. Dum kelkaj jaroj ni amasis riĉan kolekton da verkoj, da ideoj, da spertoj, da organizaj rimedoj. Nia literaturo nun entute esprimas belan resumon de progresema civilizado; nia esperantia organizado nun funkciigas mirinde oportunan interhoman komunikadon kaj kunlaboradon.

Tiun tutan amasigitan trezoron ni nun plene valorigu en nia nova fervora propagando.

Edmond Privat.

Bedales, Decembro 1912.

## Al niaj Legantoj

De la komenco de la nova jaro, la presado de *ESPERANTO* estos plenumata de nova presisto loĝanta en Svisujo mem. Dank'al tiu ŝanĝo ni esperas, ke ni povos certigi tute regulan aperadon de nia gazeto. Tio estis ĝis nun iafoje malfacila pro la relative granda distanco, kiu apartigas la redaktejon en Ĝenevo de la presejo sidanta en Dijon kaj sekve malhelpis la oportunajn rilatojn de unu kun la alia.

Pro la plua laboro, kiun trudas al ni tiu ŝanĝo koincidanta kun la Kristnaskaj kaj Novjaraj festoj, *ESPERANTO ne aperos la 5-an de januaro. La venonta numero eliros do la 20-an de januaro ;* ĝi estos akompanata de la nova *Studenta Bulteno*, organo de la jus fondita fako de U. E. A. sub la nomo « Universala Studenta Asocio ».

Fidela al la principoj, kiuj certigis ĝian sukceson, kaj neŝanceleble ligita kun U. E. A., *ESPERANTO* konfide eniras sian naŭan vivjaron kun la espero, ke ĉiuj ĝiaj ĝisnunaj legantoj konservos al ĝi sian valoran apogon kaj helpos ke ĝi trovu novajn amikojn — necesega bazo por ĉiu plua progreso.

*ESPERANTO.*

## Al niaj Abonantoj

**Ni rememorigas, ke pro la ŝanĝo de nia presisto, koincidanta kun la Kristnaskaj kaj Novjaraj festoj, la venonta numero de ESPERANTO aperos nur la 20-an de Januaro.**

∴

**La pli granda parto de niaj abonoj finiĝas en januaro kaj februaro. Ni do petas, ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj pri la finiĝo de sia abono, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ekspedado kaj al ni senutilajn klopodojn.**

**La jara abono kostas 2 Sm. (5 frankoj).**

**La jara abono al la luksa eldono, presata sur pli bona papero kaj broŝurita, kostas 2,50 Sm. (6.25 frankoj). Tiu luksa eldono estas aparte rekomendinda al personoj dezirantaj konservi la gazeton por la bindado.**

∴

**Al tiu numero estas aldonata TABELO DE ENHAVO dum 1912.**

## NOTOJ

∴ *Internacia Konferenco pri la Ekspozicioj.* — Tiu konferenco finis siajn laborojn en Berlin per la alpreno de interkonsento, kiun aprobis la delegitoj el 16 ŝtatoj. La konferenco difinis la internaciajn Ekspoziciojn, oficialajn kaj oficiale konsiderotajn. Ĝi starigis regulojn pri la kondiĉoj de partopreno de la registaroj, kaj decidis, ke en sama lando povos esti oficiale organizata nur unu sola ekspozicio en daŭro da 10 jaroj. Plie estas konsentite ke en ĉiuj landoj aliĝintaj ne okazos pli ol unu universala ekspozicio en daŭro da 3 jaroj. La daŭro de la ekspozicioj estas fiksita je maksimume 6 monatoj, kaj specialaj garantioj estas antaŭzorgitaj por la ekspozontoj kontraŭ la diversaj riskoj kaj kontraŭ la nekonsidero de industria posedo. Tiu konferenco, kies kunsidoj okazis en la palaco Reichstag en franca lingvo, estis prezidata de S-ro Chapsal el Paris. Ĝi komenciĝis la 8-an de oktobro kaj daŭris tri semajnojn. — L. P. (L.).

∴ *Nova progreso de la metra sistemo.* — En New-York kunsidis 3.500 juvelistoj, kaj unuanime decidis la alprenon de l'franca metra karato, en Francujo uzata de pli ol unu jaro. Germanujo ĝin ankaŭ alprenis antaŭ kelkaj monatoj, kaj oni certigas, ke la sindikato de l'komercistoj de diamantoj en London baldaŭ forlasos sian ĝisnunan karaton por alpreni la novan. Tio estas la unua enpaŝo de l'metra sistemo en Britujon ; ni esperu, ke ĝi ne estos la sola. — L. P. (L).

∴ *Movado de la germana poŝto.* — La sumo de la valorpoŝtajoj ekspeditaj per la germanaj poŝtoficejoj estas ĉ. 42.000 000.000 Mk. La preciza laŭ statistiko de la « Germana Poŝta kaj Telegrafa Direkcio » ĉirkaŭas por la 1910 jaro 41.964.292.750 Markojn.

La sumo de la mono pagita per la germana ŝtata poŝtmandato kaj poŝtĉekentrepreno ĉirkaŭas de ĝia fondo julio 1909, 73.000.000.000 Mk. precize ĝis aŭgusto nunjara 72.891.326.228 Mk. — Kreutz, Frankfurt-a-M.

∴ *La Duploye'a Stenografio kaj la lernado de la franca lingvo ĉe la alilanduloj.* — La demando pri la elparolado estas unu el la plej gravaj en la lernado de ĉiu fremda lingvo. Rilate al la franca lingvo, ĝi enhavas por la alilanduloj nekalkuleblajn malfacilaĵojn. Tia litero, efektive, kiu, en tia vorto, havas ian difinitan sonon, sonas alimaniere kiam ĝi estas sekvata de alia litero, au eĉ laŭ la la signifo de ia vorto, en kiu ĝi estas. Se diferencigi, malfacile estas eĉ por la junaj Francoj, oni facile komprenas kiom centfoje pli granda estas la malfacileco por la alilanduloj, kiuj lernas nian lingvon.

Kiel, ekzemple, por ili, diferencigi, en tiuj ĉi du francaj frazoj, la vortoj *couvent* kaj *portions* ?

# SOCIA VIVO

## La Astronomia Horloĝo de la Katedralo en Strassburg

En la suda parto de la Strassburg'a katedralo troviĝas tiu fama astronomia horloĝo, kiu dum Mezepoko, estis alkalkulita al la sep mirindaĵoj de Germanujo.

La unua astronomia horloĝo estis komencata dum 1352 de nekonato. Ĝi apogis al la muro kontraŭa al la nuna horloĝo. Oni vidas hodiaŭ ankoraŭ la ŝtonojn, kiuj subtenis la lignan kaĝon de tiu unua horloĝo.

Oni ne scias, kiam tiu horloĝo haltis. Jam de longe estis haltinta ĝia movilaro kiam, dum 1547 oni decidis ĝin anstataŭigi per alia. Tri matematikistoj prizorgis la planonj: Mi. Herr, Chri. Herlin kaj Nic. Brückner. Post la morto de Herlin, lia lernanto Kon. Rauhfuss nomita Dasypodius daŭrigis dum 1570 la komencitan laboron kaj starigis la planon de l'horloĝo. La konstruado estis komisiita al la du horloĝistoj mekanikistoj el Schaffhausen la fratoj Isaak kaj Josias Habrecht. Tobias Stimmer el Schaffhausen li ankaŭ, estis pentrinta la horloĝon kaj dum 1574 tiu-ĉi estis finita. Ĝi funkciis ĝis 1789, la jaro de la franca revolucio. Dum 1836, la urba konsilistaro de Strassburg decidis rekonstrui la vidindaĵon. S-ro Schwilgue, mekanikisto en Strasburg devis fari la laboron ; li komencis ĝin la 24-an de Junio 1838 kaj finis ĝin je la fino de 1842.

Kiu vidis tiun belan laboraĵon, tiu restas mirigita pro la admirinda kunmetitaĵo.

Tuj antaŭe staras ĉielglobo kies videbla kvadranto montras la steltempon astronomian. Malantaŭe de ĝi en la mezo de la horloĝo estas eterna kalendaro, metalcirkloj de 3 m. diametro sur kiuj oni povas legi la monatojn, la tagojn, la dimanĉan literon, la tagan sanktulon kaj ĉiujn festojn eklezianjn. En la mezo de la kalendaro estas montritaj la ĉefaj fenomenoj pri la suno kaj la luno, kiel ekz. levo kaj kuŝiĝo de la suno, ŝajna turniĝo de la suno ĉirkaŭ la tero kaj ĉiuj eklipsoj. Maldekstre de la kalendaro staras Apolo, la malproksimenpafanta kiu per sago montras la daton, kaj dekstre estas Diano, la Diino de ĉaso. Super la kalendaro pasas ĉiutage alia veturileto sur kiu antikva Dio montras la semajnan tagon. Dimanĉe la sunaj ĉevaloj tiras de Apolo la ĉaron lunde ni vidas Dianon tiritan per cervo, marde la ĉaro de Marso estas tirata per militĉevaloj. Merkuro-ĉaron tiras merkrede linkoj kaj jaŭde venas Jupitero kun sia aglo. Amodiino Venuso venas vendrede en ĉaro tirita de kolomboj, kaj fine la ĉion detruanta tempo, Saturno venas sabate.

La arta ornamado de tiu parto de l'horloĝo estis pentrita de Stimmer. En la kvar anguloj de la kalendaro estas videblaj : la kvar regnoj de l'antikva tempo : Persujo, Asurujo, Grekujo kaj Romo. Super la diaj veturiletoj estas Religio kaj Peko, kaj apude oni vidas la kreadon, la reviviĝon de la mortintoj, la mondjuĝon kaj la disigon de la piuloj je la malpiuloj.

La horloĝa kvadranto super la dia veturiletaro montras la mezan tempon Strasburgan. Ambaŭflanke de tiu horloĝo sidas anĝeleto ; la dekstra tenas en mano sablo-horloĝon, la maldekstra sonoras la kvaronhorojn.

Tuj supre post la bazo estas admirinda planedaro. En la centro estas la suno kaj Merkuro, Venuso, Tero kun Luno, Marso, Jupitero kaj Saturno moviĝas tie akurate laŭ iliaj ĉnĉielaj movoj. En la 4 anguloj estas pentraĵoj prezentantaj la 4 aĝoj de l'homo en la 4 sezonojn. Super la planedaro oni vidas la lunon en stela ĉielo. Ĝi estas kuglo, kiu montras la diversajn lunaspektojn. En la maldekstra bildo apuda, virino personigas la kristan eklezion kaj en la dekstra, drako, antikriston.

Por fini la mezaĵon, duetaĝaĵo superas ĉion. En la malsupra etaĝo staras la morto ; ĝi sonoras la horojn. Kvar homoj ĉirkaŭas ĝin kaj ili reprezentas la kvar homajn epokojn. Je la kvarono infano venas sonori, je la duono estas junuloĉasisto kiu per sia sago sonoras ; je la 3/4 fortika homo, militisto per sia glavo sonoras kaj fine je la plena horo estas maljunulo kiu venas sonori la 4/4. Ili ĉiuj sonoras nur dum la tago, sed la morto sonoras ankaŭ dum la nokto. Jezuo Kristo staras en la supra etaĝo kaj tiam, kiam la tagmezo estas eksonorita, la dek du apostoloj paŝas preter li kaj li benas ĉiun el ili aparte ; tio estas pli komikamuza vidaĵo ol altreligia. Piramidaĵo kronas tiun mezan parton, kaj sur ĝi estas en la mezo la profeto Jeremio, flanke, la 4 evangeliistoj, anĝeloj kaj fine sur la pinto Uhlberger, preĝejkonstruisto, kiu, dum 1574 gvidis la konstruadon de l'horloĝo.

Dekstre ŝtuparo kondukas al la diversaj fakoj por irigi kaj reguligi la horloĝon. La tureto maldekstra entenas la horloĝajn pezaĵojn. La pentraĵoj sur ĝi, krom la malsupra devenas de Stimmer kaj prezentas : la supra, Urani'o kaj lameza Kopernik'o. La suba bildo prezentis la memportreton de Stimmer, sed oni anstataŭigis ĝin per portreto de Schwigue pentrita de Jean Guerin.

Sur la supro de la tureto, koko kantas trifoje je tagmezo, batante la flugilojn, kaj streĉante kapon, kolon kaj voston.

La flankaj partoj de la bazo montras ankaŭ vidindaĵojn,

---

*Les poules du couvent couvent. — Nous portions des portions*

Estas afero preskaŭ neebla por ili. Supozu kontraŭe, ke malsupre de tiuj ĉi du frazoj oni metu ilian Duploye'an stenografian figuraĵon. Kaj jen tiu ĉi malfacilaĵo preskaŭ nevenkebla malaperas kiel ensorĉe. Jen tiuj ĉi du frazoj, tiel malfacile kompreneblaj, ne nur klariĝas per preskaŭ blindiganta lumigado, sed samfoje ilia elparolado ne prezentas plu ian malfacilaĵon. Efektive la Duploye'a stenografio, skribaĵo esence fonetika, liverante por ĉiu vorto ĝian ĝustan figurajon, liveras ankaŭ ĝian realan sonon. Se, do, ĉe la lernolibroj, kiujn oni uzas en aliaj landoj, por la lernado de la franca lingvo, oni metus, malsupre de ĉiu vorto, ĝian Duploye'an stenografian figuraĵon tiuj, kiuj uzus tiujn lernolibrojn, havus nenian malfacilaĵon por koni ĝian elparoladon.

Tio estus feliĉa uzo de la stenografio. Sed, kompreneble, tio estas ĝusta nur pri la simpla, t. e., tuta Duployé'a stenografio. Por ke la stenografio povu fari la servon, kiun ni montras, estas, efektive, necese ke ĉiuj sonoj estu figurataj. Kaj oni tute maltrafus la celon kiun oni celas, se oni enmetus en la stenografian figuraĵon de iu vorto mallongigojn, kiuj ne permesus plu al la lernanto koni la ĝustan elparoladon de tiu ĉi vorto. Tial la Duploye'a stenografio estas, laŭ nia opinio, la sola metodo, kiu povas fari la servon, pri kiu ni parolas.

Sed oni diros, vi volas altrudi al alilanduloj, kiuj deziras lerni nian lingvon, duoblan lernadon. Jes, efektive, sed tiu aldona laboro estas tiel malgranda, se oni konsideras la facilecon de la simpla Duploye'a stenografio, kaj la ne tro ŝatindan utilon, kiun estas ricevontaj el ĝi la lernantoj, ke neniu el ili povas ŝanceliĝi. Ni, do, konsilas la verkistojn de lernolibroj kaj la profesorojn pri franca lingvo en aliaj landoj, ke ili utiligu tiun rimedon. Kaj ni estas antaŭe tute certaj, ke ili kaj iliaj lernantoj, ricevos el ĝi multan plezuron kaj utilon. — L. Demarcy, prof. de stenografio en Beauvais.

⁂ *Pri krematorio.* — « Bulletin » organo speciale propagandanta la kremacion, komunikas, ke en Germanujo nun ekzistas jam 30 kremaciaj fornoj, kaj la nombro de bruligitaj mortintoj elkreskis de 6.074 en 1910 ĝis 7.555 en 1911. En Italujo estas tiom same da fornoj, kiom en Germanujo. En Britujo dum 1910 estis 840 korpbruligôj, sed en 1911, 1.023. En Japanujo dum 1909 estas bruligitaj 363.000, kaj enterigitaj 717.000 mortintoj. La antaŭaj lignaroj en Japanujo, kaj ankaŭ en Hindujo, estas anstataŭigataj de pli nuntempaj rimedoj. — D. V., *Del. Homel.*

sed, ĉar ili estas matematikaj, ili estas malpli mirigaj ol ili rajtas, ĉar efektive ili estas treege geniaj. Je la maldekstra parto estas la komplikita tempokalkulado mezepoka kiun eklezio ankoraŭ nun uzas. Oni tie povas vidi la jaron, la sunan ciklon, la oran nombron (aŭ lunan ciklon) la indikcion, la dimanĉan literon, la epaktojn kaj eĉ la ŝanĝiĝantan paskon. Dekstre estas mekanikaĵo kiu montras la diferencojn de la meza tempo je la vera kaj ĉiujn lunajn deirojn.

La horloĝo povas montri akurate la iradon de la tempo dum 25.000 jaroj. P. A. S. *(Del. Kehl-a-Rhein).*

## La ĉevalo en la prahistoriaj tempoj

La rolo, kiun la ĉevalo ludis en la homara historio, estas tiel grava, ke ni devas rekoni ĝin kiel unu el la plej gravaj civilizaj faktoroj. Al la ĉevalo la homoj ŝuldas la plimallongiĝon de la spacoj ilin disigantaj; ĝi kaŭzis kelkfoje en la daŭro de la jarcentoj ŝanĝojn en la kutimoj kaj vivmaniero, ĉar ekz. la popolmigradoj, tiel gravegaj por la disvolviĝo de la homaro, povis fariĝi nur dank' al povo rapide trapaŝi de loko al loko. La ariĝoj de la unuaj homaraj amasoj ankaŭ tiam fariĝis eblaj, nur kiam la reciproka komunikiĝo de la malproksimaj inter si kolonioj plifaciliĝis.

La funkcioj de la ĉevalo, de la tempo de ĝia apero ĝis nia tempo, estis diversspecaj. Komence ĝi servis kiel nutraĵo; poste ĝi fariĝis antaŭ ĉio interkomunikilo. Apenaŭ okdek jaroj pasis, kiam la ĉevala poŝta veturilo estis la plej rapida vojaĝmaniero. Kiam la mekanikaj motoroj en la cetere ne ankoraŭ tiel proksima estonteco anstataŭos la ĉevalon en ĝiaj hodiaŭaj funkcioj, ĝi certe revenos al la komenca sia destino: la unuaj ĉevaloj estis ĉasaĵo de la ĉasistoj; la lastaj pereos certe en la ĉevalmortiga buĉejo.

La paleontologoj devenigas la ĉevalon de la besto nomata de ili: hippariono. Tiu malproksima prapatro de la ĉevalo diferencis de la hodiaŭa antaŭ ĉio per tio, ke ĝi posedis trifingran hufon. La meza fendita hufo servis por apogo, la rolo de la flankaj hufetoj estis helpa. Kun tempo la ĉevalo perdis la flankajn partojn de la hufo, restis al ĝi nur la meza kiu plenumas hodiaŭ entute la funkciojn de la perditaj kaj senutilaj partoj. La deveno de la ĉevalo el la hippariono ŝajnas ne dubinda. Pruvas ĝin okazinta en 19a jarcento escepta okazo de la reveno al formoj originaj: Naskiĝis en Normandio ĉevalido, posedanta trifenditan hufon de siaj prapatroj.

La restaĵoj de hippariono estas renkontataj en la miocenaj sistemoj; la ĉevalon oni renkontas multe pli malfrue, en faro pliocena, fina fazo de la triseria periodo. La postsignojn de la homo ni renkontas ne pli frue ol en la kvarseria periodo, kio pruvas, ke la ĉevalo estas pli altaĝa terano, ol homo.

En tiuj malproksimaj tempoj sur tero estis varme, kaj la diferencoj inter la apartaj sezonoj estis sensignifaj. Hipparionoj kaj poste ĉevaloj faras en Eŭropo grandajn arojn kaj vivas kune kun la elefantoj, usoj, unukornbestoj, hipopotamoj, cervoj kaj renocervoj. Altkreska kreskaĵaro facile liveras al ili la nutraĵon, kaj malamikojn ili ne havas, ĉar ankoraŭ ne ekzistas ĉasistoj, kiuj mortigos aŭ subjugigos.

Kun la apero de la homo montriĝas tre gravaj ŝanĝoj. La ĉevalo fariĝas en la pli maljuna ŝtona epoko ĉasaĵo de la homo. Viando ĉevala estas kutima nutraĵo de la originaj homoj. Sovaĝa ĉevalo, diras M Kriz, estis pano ĉiutaga de la origina homo. En la elfosaĵoj en Solutré oni trovis tiajn kvantojn da ĉevalaj ostoj, ke la scienculoj taksas la nombron de la mortigitaj en tia tempo ĉevaloj je 100.000. Dank'al aluditaj elfosaĵoj oni sukcesis rekonstrui la ĉevalan ostaron de la ŝtona epoko. Ĝi ne estas tro granda, ĉar ĝia alteco, mezurita, kiel kutime, je la skapolo estas 1,36 m.

Ĉe la fino de la pli malnova ŝtona epoko la ĉevalo servas ofte kiel modelo al la tiamaj gravuristoj. En la valo de la rivero Vesero (alfluo de *Dordogne*) antaŭ nelonge kelkaj francaj kleruloj faris tre kuriozajn malkovrojn. La muroj de la tie sin trovantaj grotoj estas kovritaj per la multkoloraj freskoj, refarantaj la tiaman faŭnon.

La ĉevalo prezentita en tiuj pentraĵoj ne portas la ajojn por ĝin jungigi, kio pruvas, ke ĝi ne ankoraŭ estis hejmigita. Post la pli malnova ŝtona epoko sekvas tempoj de la glatigita ŝtono. Ĉefe karakteriza estas la disvolviĝo de la metioj, ekz., potofarado, teksado, terkulturo, faciligita dank'al hejmaj bestoj. La scioj, kiujn ni posedas el tiuj ombraj tempoj, estas tre malprecizaj tiel, ke ni ne scias, kiamaniere oni jungigis la ĉevalon. Verŝajne oni tenis la ĉevalon ne malproksime de la homaj loĝejoj. Antaŭ ol oni komencis ĝin uzi, kiel jung- aŭ ŝarĝbeston, la ĉevalo servis en stato duonsovaĝa kiel buĉbruto.

*(Daŭrigota)* Trad. (1) Jacques Makara.

## La malplinombriĝo de la naskoj en la diversaj landoj

II

Ĉio tio ĉi (1) estas ja sufiĉe klara kaj komprenebla; sed ankaŭ estas tute kompreneble, ke la ekatingo de la maksimuma eksporto kaj importo ne fariĝos subite sed iom post iom kaj tial ankaŭ la ekĉeso de la plimultiĝo de loĝantaro ne fariĝos subite, sed la komenciĝanta ĉesiĝo sin vidigos jam longe antaŭe per ioma malpligrandiĝo de la ĉiujara plimultiĝo. Ĉu oni tion rimarkis en Germanujo? Eble, kiu scias? Sed la tempo ne estas ankoraŭ veninta por konstati ĝin; tion pruvos poste statistikoj.

La tuta nutraĵa eksporto el la eksportantaj regionoj estas dividata inter la importantaj landoj. Ju pli da nutraĵo iu lando povas importi des pli povas kreski ĝia loĝantaro; estas do ekzamenota la importa kapableco de la diversaj landoj. Por tio oni devas pripensi, ke la importita nutraĵo devas esti pagata. De kie venas la mono por tio? Certe ne de vendado de terkulturaj produktoj, ĉar da ili la landoj ja ne havas sufiĉe jam por sia propra popolo, do de nenio alia ol de vendado de industriaj produktoj. Lando kun malmulte da industrio sekve ne povas importi multe da nutraĵo kaj ĝia loĝantaro ne povas rapide kreski kaj ne povas multe superi la nutran kapablecon de sia propra tero. Kontraŭe lando kun multe da industrio povas havi loĝantaron multe pli grandan ol permesus la propratere produktitaj nutraĵoj. Tiaj landoj estas ekz. Anglujo, Belgujo, Germanujo. La kresko de la loĝantaro en tiaj landoj en lasta jarcento estas tute proporcia al la kresko de ilia industrio kaj tute proporcia al la importita nutraĵo. Se pro ia kaŭzo la industrio dum certa tempo iom malpli kreskas ol antaŭe, tiam ankaŭ la loĝantaro devas iom malpli kreski. Eble la germanoj devas serĉi en tiu-ĉi direkto. Certe estas, ke la malpli granda kresko de la franca popolo tute dependas de tio ke la financa industrio multe malpli disvastiĝis ol tiu en ekzemple la supre cititaj landoj. En niaj eŭropaj landoj, en kiuj la produkt- pova tero tute estas utiligata kaj sekve la normala loĝantaro de jaro al jaro restas konstante egalnombra, la nombreco de la popolo tute dependas de la grandeco de la industrio, ĉar de ĝi dependas la grandeco de la kvanto da importita nutraĵo, sekve ankaŭ la nombreco de la kromloĝantaro.

Jen estas en grandaj linioj la faktoroj kiuj nuntempe difinas la multnombecon de la eŭropaj popoloj. En malgranda artikolo mi kompreneble ĉion tion ĉi nur skize povas montri; tiuj, kiuj interesiĝas pri tio trovos pli detalan priskribon kaj multon alian en mia jus aperinta broŝuro: La kaŭzo de la senlaboreco (2).

Malpligrandiĝo de la plimultiĝo vidigas sin per malplinombriĝo de la naskoj kaj la nombro da naskoj malpligrandiĝas per tio, ke pli da personoj restas fraŭlaj kaj ke edzaj paroj

(1) El pola jurnalo « Glos Narodu » « Voĉo de Popolo ».
(1) Vidu *Esperanto* de 5 Decembro.
(2) Eld. Universala Esperantia Librejo, 0.60 Sm. afranke.

havas malpli da infanoj ol antaŭe. Sed tiuj-ĉi faktoroj havas nur duarangan signifon ĉar ili nur aperas kiam pro manko de la bezona plia nutrajo la laŭnatura rapida multobliĝo de la loĝantaro ne povas okazi. Kie estas superflue da nutrajo, kiel ekz. en evoluantaj kolonioj, tie oni neniam trovas multoblan fraŭlecon aŭ malmultinfanecon. La personaj motivoj por fraŭleco aŭ malmultinfaneco estas diversaj, sed estas certe, ke oni aljuĝas multe tro da signifo al tiuj personaj motivoj. Ekz. oni asertas, ke en Francujo la terkulturistoj ne deziras multnombran idaron, por ke restu nur por unu ido la tuta tera posedajo. Mi ne neas, ke tia ĝeneralkomuna emo povas malebligi multobliĝon inter la kamparanoj, sed unue restas sufiĉe da aliaj sociaj klasoj por prizorgi la naskadon de nova generacio en sufiĉe granda nombro kaj due tiu emo ne estas origina, sed ŝuldas sian ekzistadon al specialaj cirkonstancoj.

Ĝis nun oni atentis nur tiujn personajn motivojn kaj provis diversmaniere influi ilin, kompreneble sen ia rezultato. Kredeble la germanaj enketontoj ankaŭ laŭiros la saman vojon kaj ankaŭ trovos, ke la nombro da naskoj malpliiĝis tial, ĉar pli da homoj restas fraŭlaj, ĉar pli da edzaj paroj ol antaŭe havas malmulte da infanoj pro emo al pli luksa vivo, k. t. p.; sed la verajn profundajn kaŭzojn, kiuj estas samtempe la kaŭzoj de la trovitaj duarangaj kaŭzoj ludantaj la rolon de iloj, oni malatentos kaj pretervidos. Por kiel longe? Mi ne scias; en iuj rilatoj la homoj estas ofte tre nelernemaj. Konsiderante, ke oni ankoraŭ ĉiam serĉas la kaŭzon de la malriĉeco aŭ rigardas kiel ĝin ĉiujn diversajn flankajn aferojn kvankam la vera kaŭzo estas trovita jam antaŭ cent jaroj, oni ne povas esperi, ke baldaŭ venos ŝanĝo en tiuj komuneraraj opinioj. En mia broŝuro mi klopodis pli universale diskonigi pli ĝustajn ideojn pri ĉi tiu problemo.

H.-C. Mees (Hago).

## Siberiaj vilaĝoj (1)

II

La nuksrikoltista profesio en tiu ĉi regiono estas submetata al difinita organizo. Ĉiu kamparano havas difinitan parton de terposedajo (1 desjatina, t. e. 1.09254 hektaroj). Kiu havas en sia familio du pagantajn personojn havas du partojn. La grando de parto egalas tian kvanton de nuksoj, kiujn povas kolekti grupo de kvar personoj, el kiuj unu estas grimpisto (t. e. grimpas la arbopinton kaj batas la cedrobranĉojn por faligi la nuksojn), du virinoj kolektantaj la falantajn nuksojn kaj unu veturigisto. Ĉar la sukceso de la tuta operacio dependas ekskluzive de la lerteco, forteco kaj rapideco de la grimpisto, preskaŭ ĉiu familio energie serĉas lertan grimpiston. Por la unua plej grava labortago la grimpisto ricevas ordinare 5 rub. mone (5 Sm.) kaj nelimigitan kvanton de brando; dum la dua kaj tria labortagoj la pago al grimpisto plimalgrandiĝas ĝis 2 1/2 Sm., kaj eĉ pli malmulte. Al la kolektantaj virinoj oni pagas 70 Sd. tage kaj al la veturigisto 1,50 Sm. Post tri tagoj oni donas al ĉiuj la rajton tute libere kaj laŭvole nukskolekti, sed dum tri tagoj la plej bonaj cedroj estas jam rikoltitaj..... La familioj, kiuj havas kelkajn malmultekostajn partojn, vendas siajn « nuksrajtojn » al vilaĝanoj; ordinara pago por unu vendita parto estas 25 Sm. La lertaj grimpistoj sukcesas ricevi en unu tago ĝis 25 pudoj (1 pudo = 100 kgr) de purigita (senŝeligita) nukso. Dum tri tagoj de rikolto ĉiu cedrarparto donas sumon da 70-100 Sm. La malseka ventokribrita nukso vendiĝas sur sia loko al aĉetistoj po 2 Sm. je 1 pudo, kaj la sekigita 2 1/2 Sm., se la vendanto ne antaŭprenis la monon prunte. Laŭ la opinioj de la kamparanoj. la grimpista laboro estas malfacila kaj danĝera; kiam pasas la tria horo posttagmeze, ĉiu el ili estas jam tiel lacega, ke li havas nenian forton por labori; okazas faloj el la cedropinto — de kelkmetra alteco- kun gravaj kontuzoj kaj kripliĝoj, kaj en kelkaj neoftaj okazoj, eĉ morto. La tempo de nukslaboro severe fiksiĝas per decidesprimo de vilaĝa kunveno. Je la fiksitaj tago kaj horo ĉiuj partoprenantoj kolektiĝas en ian fiksitan lokon, kaj la grimpistoj rajdegas al antaŭe elektitaj lokoj kaj laboras.

Antaŭe la akiritaj nuksujoj estis mandraŝitaj per cilindretoj : du personoj dum unu tago povis draŝi tiamaniere dekon da matsakoj (ĉiu matsako estas 300 nuksujoj kiuj donas ĉirkaŭ 75 kgr. da purigitaj nuksujoj per speciala maŝino, kiun elpensis unu kamparanoj de vilaĝo Baliĥujo). Per ĝi du personoj sukcesas prilabori tage ĉrk. 50 matsakojn.

La vilaĝanoj tre ŝparas la cedraron kaj ne permesas ĝin haki. Nur por fari la ĉerkojn ili permesas haki cedrojn; tamen cedroĉerkojn oni faras nur al malnovaj loĝantoj, sed oni ne permesas tion fari por novaj loĝantoj. Ordinare la malnovaj cedroj donas multe da nuksujoj kvankam la nukso estas negranda, rondeta, kvazaŭ terpomo; la junaj donas nemulte da nuksoj, tamen grandaj kaj rondlongaj, sanaj kaj kun grandaj nuksoj.

Veturinte pluen suden, ni forlasis la regionon de la cedraroj kaj denove atingis riveron Tomj kaj vilaĝon Paĉi. La ĉirkaŭaĵo, monteta preskaŭ ebena karaktero de la loko komencis ŝanĝiĝi je monta kun alpaŝantaj montbranĉoj de Kuzneckij Alatau. Nia vojo kondukis nin supren, en montaran lokon de Kuzneckij Uezdo. La ĉefa priokupo de la tieaj vilaĝanoj estas terkulturo, kiu garantias al ili bonan vivon kaj abundajn rikoltojn.

La helpprofesioj estas elfoso de l'kalko kaj karbo, kaj bruteduko. La seninterrompaj kalksonegoj, bele brodantaj la dekstran riverbordon de Tomj, donas abundan materialon por prilaborado de la kalko, sed tiu prilaborado estas primitiva kaj ne atingas gravan amplekson. Multnombraj karbelŝovajoj — suprajaj kaj ne valoraj — jam delonge atentigis kaj allogis la kamparanojn, kiuj per primitivaj rimedoj ilin prilaboris kaj ĉiujare prame venigis ĝin Tomskon por forĝejoj. Sed nun oni prilaboros ĝin konvene — la mino aranĝiĝas.

Kiam aperos multe da laboristoj por la karbmino, la vivo de l'trankvila angulo estos skuata, komenciĝos la ŝteloj, la raboj, la drinkado kaj diboĉoj, en kiuj partoprenos ankaŭ la vilaĝanoj. Ĝis nun oni tie ĉi ne konis la serurojn; oni lasis trankvila por nokto la jungilaron, oni ne fermis la grenejojn, oni tenis la brutaron kaj ĉevalojn en malfermitaj kortoj, sed jam de antaŭnelonge oni konstatis oftajn ĉevalperdiĝojn, k. t. p. Ni ne povas dubi, ke la evoluo de la karbprofesio putrigos la vilaĝojn, kiuj ne estas pretaj por kontraŭbatali la malbonon.

Kiel sovaĝa estas tia angulo, pri tio atestas la lokaj karakterizajoj el la plej proksima estinteco. Kiam okazas bonegaj rikoltoj, la mezriĉaj kamparanoj ordinare ne rapidas vendi la grenon kaj surŝutas ĝin en grenejojn, kie ĝi kuŝas dum kelkaj jaroj; la grenejo por mujiko estas tio sama, kio la banko por kapitalisto : okazis iafoje la malbonrikolto, la grenprezoj duobliĝis kaj eĉ triobliĝis; la ŝparemaj kamparanoj, elvendinte siajn grenŝparajojn, gajnis multege da mono; kaj post tia tempo aperis en vilaĝoj kamparanoj « miluloj », havantaj eĉ po kvardekmiloj da Sm. Sed ili tute ne sciis, kiel eluzi ĉi-tiun monon kaj konservis ĝin en tuknodoj aŭ ĉifonajoj; ormonerojn ili ŝutis en argilpotojn kiujn ili kaŝis en subplankejojn kaj aliaj kaŝitaj lokoj. Sed neniu el tiuj « miluloj » konsentis deponi la monon en bankoj. Tiel ĉi-tiuj kapitaloj ŝpariĝis kaj amasiĝis dum dekoj da jaroj. Ekzemple, kelkaj eksciis, ke la papermono ŝparita en ĉifonajoj estas sentaŭga kaj oni ilin nenie akceptas, eĉ en regnokasoj. Iu leĝoscianto, aŭdinte plendon de mujiko, proponis siajn servojn kaj multe profitis en proceso de monŝanĝo.

(*Daŭrigota.*) Trad. (1) Pastro Seriŝev (Del. Krasnij Jar.)

(1) Vidu *Esperanto* de 5 decembro.

(1) El jurnalo *Siberiaj demandoj*.

## Memorajoj pri Tolstoj

La 18-an de novembro pasis du jaroj, kiam la konata rusa literaturisto kaj moralisto Leo Nikolajewiĉ Tolstoj, post laborplena kaj enhavoriĉa vivado, al eterna hejmo estis alvokata.

Tio, kio li estis por sia popolo, por la tuta homaro, plene vidiĝos nur en la estonto. Unu eminentulo li estis, eminenta per sia kreema talento literatura, pli eminenta per siaj en malfacila batalado akiritaj konceptoj pri la efektiva valoro de la plej alta Bono, de l'homa Vivo, per sia neŝancelebla homamo, per sia fido al la bono en la homo.

Estas neeble eĉ proksimume nur taksi la profundan influon, kiun dumvive jam ekzercis Tolstoj sur sian kunvivularon. Jam de jardekoj el ĉiaj regionoj al li pligrimadis kleraj kaj simplaj, junaj kaj maljunaj por ekaŭdi liajn opiniojn pri la plej profundaj vivproblemoj ; pri la praktiko de l'vivo ; por peti pri ĉiuspecaj demandoj lian konsilon, — kaj ĉi tiu influo nepre ne ĉesis per lia morto.

Multaj el liaj verkoj, antaŭe neeldonitaj, ja ekaperas nun iom post iom, tiamaniere atingantaj pli vastajn rondojn. Supozante, ke ĝenerale liaj ideoj estas konataj de nia legantaro, ni nur dezirus al ili iom alproksimiĝi lian personecon.

Multŝatata sed ankoraŭ pli malŝatata, malofte ekzistis ja homo suferanta kiel li, tiom da malamo, tiom da malkompreno, spite sia honesteco kaj malkaŝemo (aŭ eble ĝuste pro tiuj).

Kiu prenas la penon sekvi la evoluon de tiu-ĉi viro, studante liajn verkojn, multlingve tradukitajn, tiu nepre eksentos profundan estimon. Lia vivo estis konstanta interna batalado, ĝis kiam li trovis la pacon.

Ido de malnova nobela generacio Tolstoj povis permesi al si ĉian ĝuon, ĉian komforton. Lia juneco sekve neniel diferencis tiujn de aliaj junuloj el la samaj vivkondiĉoj. Tamen li tre baldaŭ konsciiĝis la senvalorecon kaj maldignecon de tia vivado kaj aspiris el ĝi retiriĝi, irante al sia bieno, Jasnaja Poljana, kie li ĉefe sin donadis al la verkado.

Tio, kio lin ĉiam karakterizis, estis lia dolĉa koro, granda kompato por tiuj, kiuj suferas kaj arda sopiro efike kunhelpadi. Neniam li filantropis, por tiel diri, kvankam neniu suferanto foriris de li nehelpite. Ion pli bonan li donis : al ĉiuj personoj, kun kiuj li ekinterrilatiĝis li komunikis ne ordinaran intereson kaj komprenon pri iliaj korpaj kaj spiritaj bezonoj. Siajn riĉajn talentojn li instinkte uzis por la profitoj de aliuloj.

Tuj post lia translogiĝo al la bieno li, dudeknaŭjara, tie fondis lernejon, kiu vekis la intereson de ĉiulandaj pedagogoj. Starigita laŭ liaj propraj ideoj, ĝi karakteriziĝis per plena sendevigeco kaj libereco : la lernantoj povis iri kaj veni tute vole, dum la instruisto devis zorgi, ke la lecionoj estu tiel allogaj, ke la infanoj memvole al la ordo submetiĝis. Pri tiu lernejo, kiu restis lia dumviva ĝojo, Tolstoj ĉiam tutkore interesiĝis kaj okupiĝis ; li jam mem redaktis por siaj gestudentoj unuan legolibron laŭ propra metodo. Ankaŭ la edzino kaj pli poste liaj infanoj tie instruis.

Dume tute kontentigis lin nek tiuj ĉi pedagogoj, nek liaj literaturaj laboroj, nek ankaŭ la biena mastrumado, kiun li baldaŭ propramane prizorgis kontraŭ la kutimoj de sia rango. Tiutempe en lia animo okazis grava renversiĝo. Lia rigardo akriĝis por la suferoj de lia popolo sklavema kaj superstiĉa. La kontrasto inter lia propra, en certa lukso moviĝanta, ekzistado kaj tiu de la kamparanoj, pro manko kaj senhavo kvazaŭ naskitaj, profunde lin kortuŝis. Helpi, savi, liberigi ! Sed kiel ? En leteroj al la intimaj amikoj — kun kiuj lin ligis ne nur eksteraj rilatoj sed vera, interna amo kaj samidealeco, — ĉiam denove sonadis tiu noto. Plene sin donadi, per tempo kaj fortoj, ĉion oferadi al la fratoj, tio ŝajnis al li la sola solvo.

La riĉula vivmaniero en Jasnajo Poljana ĉiam pli kaj pli malplaĉis al li. Malakordo inter lia interna konvinko, ke ĉiuj estas fratoj egalrajtaj koncerne feliĉon kaj lia propra ekstera pozicio kaŭzis al li ĉiaman bataladon. Ĉiu privilegio por li signifis maljustaĵon. Peze premadis lin tiu sento pri nemeritita posedaĵoj.

En la tiamaj verkoj de Leo Tolstoj oni rekonas la pentpredikanton. Potence sonadis lia vorto, kiu trovis eĥon en multaj koroj, Dioserĉantaj, kiel li. La nekristanajn agadojn inter la Kristanoj li akcentis, la malbonajn morojn de sia *popolo li forte malaprobis (kiel faris antaŭ longe la Profetoj)*, kvankam Tolstoj sentadis sin mem la plej granda el la pekuloj. Samtempe li konstante penadis per sindona amo rekonduki la homaron al ĝia Deveno kaj Celo, al Dio.

Oni ofte riproĉis lin, ke li estas nekonsekvenca, kondamnante riĉulan vivmanieron meze de mondo plena je manko, mizero kaj ĉagreno, tiel, kiel li ĝin rimarkis en sia kamparana ĉirkaŭaĵo, dum li ne kuraĝas persone rezigni tian vivadon. Sed oni forgesas, ke li estis edzo kaj patro kaj ke sanktaj estas la devoj, tiel propravole akceptitaj. Li tutkore amis la edzinon, kiu aspiradis kaj laboradis kun li, kvankam ŝi ne ĉiurilate povis akordi liajn opiniojn. Nur ĝis certa grado iliaj vojoj iris kune. Ke ŝi ne povis lin sekvadi en la profundon de lia Diokonscio, kiu ŝin riproĉus pro tio ? La plej altan ni homoj unu al la alia ja ne povas doni ; tiun ĉiu sola atingos nur en plena sindonado al la dia, la plej esenca en ni.

Ĉu Tolstoj forirus de la edzino kaj infanoj ? Ĉu li forlasus unu malbonaĵon por fari alian pli gravan ? Do la asketo en li kliniĝis antaŭ la ama leĝo, de Dio mem ja skribita en lian koron.

Tiuj jaroj efektive estis dolorplenaj, sed senĉese batalanta li konstante renovigadis kaj pliprofundigadis siajn ideojn ĝis kiam kvazaŭ radianta lumo al li vidigis la signifon de la vortoj Paŭlaj :

« Eĉ se mi parolus per homaj kaj anĝelaj lingvoj kaj ne posedus la Amon, mi nur estus kvazaŭ laŭta sonorilo. Kaj se mi fordonus ĉiun mian havajon al la malriĉuloj kaj bruligis al mi la korpon, kaj ne havus la amon, tiam al mi neniel utilus. »

Pro tio Tolstoj neniam perforte devigis sian familion oferi pro lia propre konvinko.

De l'persona posedo li liberiĝis leĝe transigante al la edzino, dum li mem celis plej simplan vivadon. La amo al ĉiuj homoj, ne tia duonvarma, indiferenta, kiu ne scipovas sin oferi sed la esenca, efika amo memforgesa pro la aliuloj, de tiu tempo fariĝis lia religio. El liaj multnombraj verkoj multaj havas pedagogian valoron. Skribitaj el spirito de serioza konvinko kaj plej simpla stilo, por multaj serĉantoj ili fariĝis fidela, sincera gvidilo.

La legadon de tiuj ĉi libroj ni plej varme povas rekomendi al ĉiuj, kiuj sopiras liberiĝon de konvenciaj mensogoj, puriĝadon de l'koro kaj vivado.

En tiuj ĉi plej ofte malgrandaj, senpretendaj skribaĵoj sin kaŝas trezoro da spirita enrigardo, kies influon ja povos eviti neniu persono, senpartie konatiĝanta kun ili. (Ĉi tie ni nur citos « La Dia Regno sin trovas interne de ni » kaj « La unua ŝtupo ».)

Malpermesataj de la rusa cenzuro, tuj post la ekapero, ĉar la registaro juĝis la verkojn de Tolstoj pereigaj por ĝia aŭtoritateco, ili pere de liaj amikoj presiĝis grandparte en Angla lingvo kaj kaŝate disvastiĝis ankaŭ en Ruslando ĉiuflanke.

Dume Tolstoj profunde bedaŭris, ke oni neniam kuraĝis puni lin persone, malgraŭ la diversflankaj malamikaĵoj kaj la grava malaprobo, kiun vekis lia verkaro. Sed pli dolorige oni sciis lin trafi, sendante en malliberejon aŭ ekzilante el la patrujo liajn plej intimajn amikojn kaj sekvulojn. La grandanimulon mem oni ne riskis ataki, kiu iom post iom ekhavis tre gravan kaj respektindan anaron en kaj ekster

## LITERATURA PAĜO

# La Suferoj de juna Werther

de W. v. GŒTHE

Trad. P. USINGER

Malkontenteco kaj malamo ĉiam pli enradikiĝis en la animo de Werther, pli firme interplektiĝis kaj iom post iom kaptis lian tutan naturon. La harmonio de lia animo estis tute detruita; interna varmego kaj malkvieteco, kiuj konfuzis ĉiujn fortojn de lia naturo, naskis la plej kontraŭajn efikojn kaj fine lasis al li nur lacecon, de kiu li celis sin liberigi ankoraŭ pli timeme ol li ĝis tiam batalis kun ĉiuj malbonoj; la maltrankvileco de lia koro konsumis la ceterajn fortojn de lia animo, lian viglecon, lian prudenton; li fariĝis malgaja kunulo, des pli malfeliĉa kaj des pli maljusta, ju pli malfeliĉa li fariĝis; ili asertas, ke Werther ne povis prijuĝi senmakulan, trankvilan viron, kiu nun ekhavis feliĉon de longe deziritan, kaj lian konduton por konservi al si tiun ĉi feliĉon en la estonto, li, kiu kvazaŭ ĉiutage konsumis sian tutan havon, por vespere suferi kaj esti mizera. Alberto, ili diras, post tiel mallonga tempo ne aliiĝis; li ankoraŭ estis la sama, kiun Werther konis tia de la komenco, tiom ŝatis kaj estimis. Li amis Ĥanjon pli ol ĉion, li estis fiera pro ŝi kaj deziris, ke ankaŭ ĉiu konfesu ŝin kiel la plej ĉarman kreajon. Ĉu do oni povas malaprobi, ke li deziris deturni eĉ ĉiun ŝajnon de suspekto, ke li ne emis en tiu ĉi momento dividi kun iu tiun ĉi ĉarman posedaĵon eĉ je la plej senkulpa maniero? Ili konfesas, ke Alberto ofte eliris el la ĉambro de sia edzino, kiam Werther estis ĉe ŝi, sed ne pro malamo aŭ aŭtipatio kontraŭ la amiko, sed nur tial ke li sentis, ke tiu estus premita per lia ĉeesto.

La patro de Ĥanjo estis atakita de malsano, kiu retenis lin en la ĉambro; li sendis al ŝi sian kapriolon kaj ŝi elveturis. Estis bela vintrotago, la unua neĝo estis falinta kaj kovris la tutan regionon.

Werther sekvis ŝin la sekvantan matenon por akompani ŝin hejmen, se Alberto ne venus.

La klara vetero iomete povis influi lian malĝojan ecaron, peza premo kuŝis sur lia animo, la malĝojigaj bildoj firme sidis en li, kaj lia ecaro sciis neniam movon ol de unu dolora penso al alia.

Kiel li vivis kun si mem en eterna malpaco, tiel ankaŭ la stato de aliaj ŝajnis al li pli kriza kaj pli komplikita; li kredis, ke li konfuzis la belajn interrilatojn inter Alberto kaj lia edzino, li faris al si riproĉojn pri tio, en kiujn sin enmiksis kaŝita indigno kontraŭ la edzo.

Liaj pensoj ankaŭ survoje direktiĝis al tiuj ĉi objektoj. «Ja, ja» li diris al si mem kun kaŝita dentgrinĉigo», tio estas la intimaj, afablaj, karesaj, je ĉio partoprenantaj interrilatoj, la trankvila, daŭra fideleco! Sateco kaj indiferenteco ĝi estas! Ĉu ne ĉiu aferaĉo pli altiras lin ol lia kara, ĉarma edzino? Ĉu li scias ŝati sian feliĉon? Ĉu li scias estimi ŝin tiom, kiom ŝi meritas? Li havas ŝin, nu bone, li havas ŝin. — Mi scias tion, kiel mi scias ankaŭ aliajn aferojn, mi kredas esti kutimita je tiu ĉi penso, ĝi ankoraŭ faros min furioza, ĝi ankoraŭ pereigos min. — Kaj ĉu do la amikeco al mi malcedis? Ĉu li ne vidas en mia sindonemo al Ĥanjo jam malestimon de siaj privilegioj, en mia afableco por ŝi silentan riproĉon? Mi scias ĝin bone, mi sentas ĝin, li malŝatas vidi min, li deziras mian forigon, mia ĉeesto estas al li ĝena».

Ofte li haltigis sian rapidan paŝon, ofte li ekstaris senmove kaj ŝajnis reironta; sed ĉiam li returnis sian iron antaŭen kaj kun tiuj ĉi pensoj kaj monologoj li fine alvenis kvazaŭ kontraŭvole ĉe la ĉasdomo.

Li eniris la pordon, demandis pri la maljunulo kaj pri Ĥanjo, li trovis la domanojn iom movemaj. La plej aĝa knabo diris al li, ke okazis malfeliĉo en Wahlheim, kampulo estas mortigita. — Ĝi neniom impresis lin. — Enirinte la ĉambron li trovis Ĥanjon okupita admoni la maljunulon, kiu malgraŭ sia malsano volis transiri por esplori la okazon samloke. La farinto ankoraŭ estis nekonita, matene oni trovis la mortigiton antaŭ la dompordo, oni havis suspektojn: la mortinto estis servisto de iu vidvino, kiu antaŭe havis alian, kiu en malpaco estis foririnta el la domo.

Tion aŭdinte Werther forte ekscitiĝis. «Ĉu eble? li ekkris», mi devas iri transen, mi ne povas ripozi eĉ momenton. «Li rapidis al Wahlheim, ĉiu memoro fariĝis vivanta en li kaj li ne dubis momenton, ke tiu homo faris la krimon, kiun li tiel ofte parolis, kiu fariĝis al li tiel kara.

Ĉar li devis iri tra la tiliaro por veni al la trinkejo, kien ili metis la korpon, li ektimigis je la alitempe tiel kara loko. Tiu sojlo, sur kiu la najbaraj infanoj tiel ofte ludis, estis malpurigita de sango. Amo kaj fido, la plej belaj homaj sentoj, aliiĝis je perforto kaj mortigo. La fortaj arboj staris senfoliaj kaj prirositaj: la belaj arbetaĵoj, kiuj arkaĵiĝis sur la malaltan muron de tombejo, estis nudaj kaj la tombŝtonoj, kovritaj de neĝo, elrigardis tra la breĉoj.

Kiam li proksimiĝis al la trinkejo, kie la tuta vilaĝanaro estis kunigita, per unu fojo fariĝis granda kriado. Oni ekvidis de malproksime aron da armitaj viroj kaj ĉiu vokis, ke oni alkondukas la farinton. Werther alrigardis kaj restis ne longe dubema. Ia, estis la servisto, kiu tiom amis tiun ĉi vidvinon, kiun li renkontis antaŭ nelonge ĉirkaŭiranta kun la silenta kolero, kun la kaŝita malespero.

« Kion vi faris, malfeliĉulo! » ekkiris Werther alirante al la kaptito. Tiu rigardis lin senparole, silentis kaj respondis trankvile: « Neniu havos ŝin, ŝi havos neniun ». Oni irigis la kaptiton en la trinkejon kaj Werther forrapidis.

Per la terura, fortega ektuŝo, ĉio, kio kuŝis en lia ecaro, estis disskuita. El lia malĝojo, lia malgajeco, lia indiferenta sindonemo li estis momenton elpuŝita; nesupereble la kompato ekposedis lin, kaj kaptis lin nedirebla deziregо savi la homon. Li sentis lin tiel malfeliĉa, li trovis lin kiel krimulon tiel senkulpa, li tiel profunde eniĝis en lian staton, ke li certe kredis, ke li povus konvinki ankaŭ aliajn pri tio; jam li deziris, ke li povu paroli por li, jam la plej viva parolado sin premis al liaj lipoj, li rapidis al la ĉasdomo kaj survoje ne povis deteni sin jam duonlaŭte elparoli ĉion, kion li volis kontraŭargumenti al la prefekto.

*(Daŭrigota).*

---

Rusujo. Senhezite li diradis sian opinion al eminentuloj kaj simpluloj, avertadis kaj preĝadis tie, kie li povis antaŭveni malfeliĉaĵon, aŭ rebonigi maljustaĵon. La lastajn jarojn de sia vivo li laboradis lumigante ĉiuflanken. Li konsideris ĝin kiel sian devon ankaŭ montri al la mondo tion, kion li por si mem kiel veron akceptis; ĉiam denove li akcentis, ke sole el la individuo mem povos ekkreski la plibonigado de l'homaro.

Resume do la doktrino de Tolstoj kulminis en tio, ke nur per la Bono ni povos iam disvenki la malbonon en ni mem kaj niaj proksimuloj.

Potencan ekzemplon al ni li lasis, kaj kiu estas el la Amo, tiu aŭdu lian voĉon!

A. Van Rees-Vatiche,

Trad. M. Terwey-Van Rees.

# TRA
LA
# ESPERANTA LITERATURO

**Politika malliberulo**, unutagajo dediĉita al la afero de politikaj malliberuloj en rusa regno, kun speciala konsidero « la katorgon ». Krakovo, str. Wislna, 8, II. e. Prezo : Sm. 0.250.

« Politika malliberulo » estas eldonita de humana, internacia kaj senpartia societo, kiu celas helpi morale kaj materie al politikaj malliberuloj en Rusa imperio, sen partiaj nek religiaj konsideroj. La redakcio, en antaŭartikolo, alvokas precipe la esperantistojn, kiuj laboras por estonteco, propagandas fratecon de ĉiuj homoj, al la subteno de tiu societo per mono kaj ankaŭ per disvastigo de sciigoj pri la suferoj de politikaj rusaj malliberuloj. La redakcio akceptas pagojn ĉu per poŝtmarkoj, ĉu per respondkuponoj.

La stilo de tiu broŝuro ne estas ĉiam tre bona. Jen estas kelkaj novaj vortoj, malbonaj esprimoj, kiujn mi trovis tralegante ĝin : Eskorto (p. 9); brutala (p. 10); desperigitaj, p. 10 (malesperigitaj) ; regnas (p. 10) anstataŭ regas ; torturi (p. 16) anstataŭ turmenti ; ekzekucio (p. 16) anstataŭ ekzekutado ; organizacioj (p. 18) anstataŭ organizajoj ; oftan uzon de akuzativo post nomo, ekz. : la konsolado homojn (p. 12) uzon de *por ke* antaŭ infinitivo, ekz. : por ke iradi je la takto (p. 16).

Sed oni ne devas konsideri tiun broŝuron je stila vidpunkto. Ĝi celas nur altiri la atenton, simpation kaj helpemon de ĉiu civilizita homo al terura situacio. Tial ĝi meritas subtenon de ĉiu kompatema homo.

* *

**Petaloj**, aro da versajoj originale verkitaj de *Czeslaw Kozlowski*, mendebla de l'aŭtoro, Kiew (Rusujo), Malo-Vladimirska, 26. Prezo : Sm. 0.25.

Al tiu ĉarma 30-paĝa libreto mi danke dediĉus tutan recenzon, tioma estis la plezuro, kiun mi ĝuis ĉe ĝia legado. Sed ho ve ! jam multaj verkoj ne ankoraŭ estas recenzitaj, kelkaj verkintoj jam plendas, mi disponas nur unu paĝon kaj mi devas rapidi ....

S-ro Czeslaw Kozlowski, per la alteco de la ideoj, la sincereco de siaj korsentoj, la riĉeco de sia imago kaj perfekta kono de rimaj kaj ritmaj leĝoj kaj kapabloj, estas vera poeto, kiu per altvalora juvelo pliriĉigas la trezoreton de la esperanta poezio.

Mi plej admiris la sekvantajn versajojn : *Nerva Infano, Unua dubo, Hej ! — Penso — Neĝo — Cigna Kanto — Verdas ĝardeno*..... Sed mi haltu, ĉar mi citus la tutan versaron ! La aŭtoro deziras :

Ke venu ritm' facila kaj belsona
Kun humilec' *lin* peti pri enir'
Ke fluu vers' melankolia-tona,
Ke iru ĝi al mondo — neŝablona,
Per mola fal' gutante de la lir'.

Jes, poeto, via deziro estas plenumita ; viaj ritmoj estas belsonaj, viaj melankoliaj versoj kortuŝos la delikatajn animojn, kaj la harmoniaj songutoj falantaj de via juna promesplena liro plaŭdetos en la koron de ĉiuj poeziemaj esperantistoj !

* *

**Lernolibro de Esperanto** (gramatiko, ekzercaro kaj du vortaroj) verkita de *Iv. H. Krestanof*. Eldono de la « Bulgara Esperanto-biblioteko ». Mendebla ĉe la Internacia Librejo de H. Krestanof, str. Alabinska, 33, Sofia. Prezo : Sm. 0.60 (broŝurita) ; 0.80 (lukse bindita).

Tiu bonega lernolibro, zorgeme eldonita, aprobita de la Ekzamena komitato de la B. E. S., konsistas el gramatiko, metode partigita en 12 lecionoj. Ĝin sekvas ekzercoj, aranĝitaj por ĉiu gramatika parto. Poste, venas du vortaroj. La esperanto-bulgara vortaro entenas, krom la vortoj de U. V. la vortojn de la Oficiala aldono signitaj per steleto. En la fino, la aŭtoro enmetis liston de la plej gravaj esperantistaj societoj, eldonajoj, firmoj, gazetoj, ktp..... Tiel, la novevarbito vidas, ke Esperanto vivas, kaj komprenas la socian kaj praktikan signifon de nia movado. Tiu ĉi parto, bone redaktita en tiu lernolibro, plej ofte malestas en la aliaj lernolibroj. Ĝi tamen estas grava, ĉar per ĝi la novevarbito (kuracisto, komercisto, abstinenculo, ktp.....) trovas tuj ian intereson en nia movado. Resume, tiu lernolibro estas tute konsilinda.

*G. Davidov*. **Titolaro de Esperantaj verkoj**, tradukitaj el la Rusa Literaturo. Librejo Esperanto Tverskaja, 26. Moskvo (Rusujo). — Prezo : Sm. 0.10.

Nur 16-paĝa estas tiu titolaro, sed kiom riĉega kaj konfidiga estas ĝia enhavo ! La tuta listo entenas 651 tradukojn, el Turgenev, Ĉehov, Tolstoj, Lermontov, Puŝkin, Krilov, Gorkij, Doroŝeviĉ, Gogol, Korolenko, Garŝin, Nekrasov, Kuprin, Najivin, Nitikin, Nadson, Ŝĉedrin, Dostojevskij, k. m. a. Kvankam oni povas bedaŭri, kun S-ro B. Kotzin, ke oni tradukis tro da literaturajoj kaj maltro da sciencaj verkoj, tamen oni klare komprenas, nur travidante tiun liston, kiom taŭga estas Esperanto por la disvastigo de la ĝeneralaj ideoj, pri kiuj temas la literaturo. Tion oni ankoraŭ pli klare komprenos, kiam, eble post nelonge, aperos similaj titolaroj pri la ceteraj plej gravaj literaturoj.

* *

*N. V. Gogol*. — **Maja Nokto aŭ la Dronintino**, el la rusa lingvo tradukis *R. Frenkel*.

Bucuresti, Editura Esperanto, 5. str. Bratianu. Prezo : Sm. 0.20.

Gogol estas drama kaj romana rusa verkisto. Li naskiĝis en Wassilievka (Poltava gubernio) en 1809 kaj mortis, forlasita kaj mizantropia, en Moskvo (1852). Liaj plej famaj verkoj estas la novelaro *Vesperoj ĉe la farmo* (1832), priskribo de la kozaka vivo ; *Taraz Bulba, la Reĝo de l'gnomoj, Historio de frenezulo, Iama Mastrajo, la Kaleŝo*, pentrajoj de lokaj moroj, verplenaj psikologiaj studoj kaj ĉarmaj rakontoj. En la *Mortintaj animoj* (1842) li satire priskribas la intrigulojn, kiuj senhonte ekspluatadas la provincajn antaŭjuĝojn. En la *Kontrolisto aŭ Revizoro*, li spritege elmontras la putriĝon de la administraj moroj en Rusujo. La imperiestro Nikolao, kiu celis ilin reformi, aplaŭdis la kuraĝan poeton. Liajn verkojn oni kolektis en 6 volumojn in-8 (Sotchinénija i pisma, Peterburgo, 1857).

La verkaro de Gogol jam estas bone reprezentita en la esperanta literaturo ; laŭ la *Titolaro* de G. Davidov (vidu supre) estas ĝis nun tradukitaj : *Dnepro, El Ukraino, Frenezulo, Mateno de Aferisto, Nazo, Nokto antaŭ Kristnasko* (presota), *Portreto, Vivo, Ukraina Nokto*, kaj la *Revizoro* (trad. de D-ro Zamenhof mem).

S-ro R. Frenkel aldonis al tiu kolekto la rakonton *Maja Nokto aŭ la Dronintino*, kiu jam aperis en kelkaj numeroj de la bonega revuo *Danubo*

Amindumaj scenoj, vilaĝaj ŝercoj, spritajoj kaj petolajoj, kozakaj moroj, popolaj legendoj, poeziaj priskriboj, eĉ satiraj kantetoj (p. 20) agrable miksiĝas kaj kunfandiĝas en tiu vigla bonhumora rakonteto, kies riĉa stilo (mi parolas pri la traduko) faras profundan impreson de vereco, naiveco, natureco, kaj enkondukas la nerusan leganton, kvazaŭ per amika mano, en la ĉiutagan (eĉ ĉiunoktan !) vivon de ukrainaj vilaĝanoj.

* *

*Lord Byron*. — **Parizina**, trad. *D-ro Venancio da Silva*. Presa esper. Societo. Prezo : Sm. 0.20.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — *Barcelona.* — La Esp-grupo en Barcelona decidis kunfandiĝi al « Espero Kataluna ». Oni esperas, ke la diversaj Barcelonaj Esp. grupoj baldaŭ kunfederiĝos.

*Sopron* (Hungar.). — Nova grupo sub la titolo « Pacemo ». Prez. S-ro Leitner; sekr. S-ro O. Rœttig.

*Hagen* (German.). Dum la lasta kunveno de la reprezentantoj de « Rejnlanda Westfalia Esperanto-Ligo » en Hagen, la 17-an de novembro, la prezidanteco transiris en la manojn de la Hagen'a grupo. La « Mitteilungen der Rhein. Westfæl-Esperanto-Verbandes » estos de nun redaktataj kaj eldonataj de S-ro C. Hartenfels, ĉefredaktoro, Hagen (Westfalio) Arndtstr. 49.

*Ĝenevo* (Svis.). Nova Esp.-Klubo fondiĝis sub la prezido de S-ino Biske; pli ol 100 personoj jam aliĝis.

*Maceio* (Brazil.). Nova grupo nomata « Verdstelanoj ». Prez. S-ro Maciel.

*Kolomea* (Galicio). La 19. nov. fondiĝis Societo de Ukrajnaj Esp. Progreso kun 35 anoj. La societo preparas la unuan Esp. gazeton « Ukrajna Stelo ». — O. V.

**Novaj kursoj.** — *Budapest.* Kun la aprobo de la Ministerio de religiaj kaj kulturaj aferoj, kursoj komenciĝis en la universitatoj scienca kaj teknika.

*Sopron* (Hungar.). 2 kursojn gvidas S-ro Antono de Zsigmond, por plenaĝuloj kaj aparte por lernantoj.

*Kladno* (Bohem.). S-ro Broz malfermis novan kurson kun 30 lernantoj. Por tiu kurso la Klubo ricevis de la urba konsilantaro 50 kr. Tio estas la tria fojo kiam la urbo tiel monhelpas la Esp. Klubon. Niajn gratulojn. — B.

*Essen/Ruhr* (German.). — Nova kurso de nia Del. S-ro Pillath.

*Ungvar* (Hungar.). Senpaga kurso de S-ro Szoke Andor; 15 lernantoj. — S. A.

*Gummersbach* (German.). 2 novaj kursoj gvidataj de S-roj Wette kaj Schreiber.

*Kolomea* (Galicio). En la daŭro de 7 monatoj estis 6 kursoj kun entute 200 lernantoj, 2 novaj kursoj malfermiĝos. — O. V.

*Bucuresti.* 2 novaj kursoj ĉiudimanĉe. La Direkcio de la Luterana lernejo aprobis, ke oficiala kurso de Esp. estu farata de S-ro Teodorescu por la lernantoj de la superoj klasoj de tiu tre grava instituto.

*Toul* (Franc.). Kurso de S-ro Belhoste; 18 lernantoj.

*Troyes* (Franc.). Kurso de S-ro Lhermitte ĉe la liceo, 30 lernantoj.

*Trieste.* La 22. nov. okazis fermo de kurso en la urba lernejo; la 28. fermo de la kurso gvidata de S-ro Ghez. Multaj lernantoj aliĝis novan grupon. — A. G.

*Dresden.* Kursoj nun estas donataj ankaŭ de S-ro Ader en Centra Asocio de komercaj helpantoj. Kursojn ankaŭ aranĝis la « Dresdner Esperanto-Verein » kaj la klubo « Verda Stelo ». En la klubejo de tiu ĉi unuiĝo, nomita « Kafejo Esperanto » (Wettinerstrato 5), estas regule elmetitaj multaj Esp. gazetoj. Al la deputitoj de la dua ĉambro de l'Saksa parlamento estis prezentata klaso de popollernejanoj el Dœhlen instruita en Esp. de S-ro Funke, instruisto en Doehlen. Imitinda propagando por la enkonduko de Esp. en la popollernejojn, pri kiu temo parolis antaŭ kelkaj semajnoj ĉi tie S-ro Pastro Lœsche-Wurzen en bone vizitata publika kunveno. — J. K.

**Paroladoj.** — *Gorizio.* La 10. nov. sukcesa parolado de D-ro Ghez ĉe la sidejo de la Friula Unio. Post la parolado S-ro Ipavitz, prez., transdonis al D-ro Ghez oran medalon, dankante lin pro lia fervoro por nia afero.

*Toul* (Franc.). Parolado de S-ro Maresquelle, nia Del. en Nancy.

*Le Mans.* La 28. okt. sukcesplena parolado de P-ro Cart, el Parizo. Sekvis koncerto kaj ĉarma komedio. — S. S.

*Paris.* S-ino Dion-Trouillon faris sukcesan paroladon pri Esp. ĉe la Kongreso de la Homaro.

S-ro C. Bourlet paroladis la 11. nov, ĉe la popola universitato.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *Trieste.* La 23. nov. okazis en la salono de la societo Olimpia la granda festo de la Esp.

---

« Dum la regado de Nikolao III, Ferrara estis makulita de hejma tragedio. Per la atesto de unu servisto kaj persona observado, Markizo de Este malkovris la sangadultajn amojn de sia edzino Parizina kaj sia bastarda filo Hugo, bela kaj kuraĝa junulo. Ili estis senkapigitaj en la Kastelo, post la sentenco de la patro kaj edzo, kiu publikigis sian honton, postvivinte al iliaj ekzekutigoj ». Tiun historian teruran fakton lord Byron traktis per belegaj versoj. Proze D-ro Venancio da silva ilin tradukis. Sed lia stilo estas tiel bona kaj harmonia, ke la leganto tute ne bedaŭras, eĉ ne eksentas, ke la traduko estas proze farita. Cetere nia lingvo, kiam ĝi estas verkita de oreldelikataj aŭtoroj, ŝajnas flug'lhava kaj malbezonas la helpon de rimoj kaj ritmoj.

⁂

*Tolstoj.* — **Mia onklino Tatiana Aleksandrovna,** eltirajo el la Memorskriboj de Tolstoj, trad. *Roksano.* Ĉe la tradukintino « Villa Roksano », Béziers, Hérault (Francujo). Prezo : Sm. 0.12.

Tiu traduko, en kiu estas uzitaj nur radikoj de U. V., ricevis la unuan premion en la Konkurso de Esperantista Kaŭkaza Societo, Antverpeno 1911. La stilo estas bonega, absolute klasika kaj korekta. Ne sufiĉe multaj estas en nia literaturo tiaj tute rekomendindaj verkoj. Efektive tro multaj aŭtoroj ne konas, aŭ malsufiĉe memoras, tiun averton de La Bruyère : « La bonstilaj verkoj nur solaj pasos al la posteularo », kaj eĉ al la nunularo !

⁂

*Roksano.* — **La Senlaca Sinofero,** novelo originale verkita. Ĉe la aŭtorino « Villa Roksano », Béziers, Hérault (Francujo). Prezo : Sm. 0.20.

Ankaŭ tiu originala verko ricevis unuan premion en Antverpeno, ĉe la Konkurso de Belga Esperantisto. Ĝi estas la kortuŝa rakonto de l'senlaca sinoferado de fraŭlino, kiu senplende fordonas al sia malinda pli juna fratino sian malindan amaton kaj fariĝas la patrino de sia mizera senkulpa forlasita nevineto. Perfekta estas la stilo de tiu grandmerita kaj juste rekompencita originalaĵo.

*Aliaj ricevitaj verkoj :*

**La morgaŭa virino,** dialogo originale verkita de Roksano ; havebla ĉe la aŭtorino. Villa Roksano, Béziers (Hérault) Francujo : Prezo : Sm. 0.14.

**Esperanto kaj Esperantismos,** propaganda libro verkita de D-ro Stamatiadis, Samos ; prezo ne montrita.

**Pro Esperanto,** propaganda broŝureto en hispana lingvo, eldonita de la Sociedad esperantista Paco kaj Amo. — Montseny, 67, 2o : Barcelona-Gracia. Prezo ne montrita.

VERTO.

rondo. Oni aplaŭdis diversajn deklamojn kaj la ĉarman teatrajon de D-ro Ghez « Kiam amo parolas ». La 27. nov. okazis la koncerto de la fama kantistino Ada Sari, kiun oni aplaŭdis en Krakow. La publiko povis konvinkiĝi, ke Esp. taŭgas ne nur por muziko, sed ankaŭ por kantado. — A. G.

*Limoges.* La 9. kaj 10. nov. okazis Esp. festo sub prezido de S-ro Rollet de l'Isle. Paroladis S-ro D-ro Chalot, advokato en Toulouse. Post la parolado, sukcesa koncerto. Dimanĉon, 10-an, okazis festeno, kun ĉeesto de S-ro Betoulle, deputato, kaj Bordaries, anstataŭanto de la Prefekto. Ambaŭ sin montris tre favoraj al nia movado. — L. L.

*Londono.* La 6ª kunveno de la Londona Federacio okazola 18. Januaro en Stanley'o Hall. Biletoj kostas 1 ŝilingon. — B. E.

*Paris.* La 24. nov. okazis la solena disdonado de la premioj sub la honora prezido de S-ro Moureu, reprezentanto de la ministro de Publikinstruado. Ĉeestis pli ol 700 personoj. Post la ludado de la Marseillaise per la muziko de la 103ª inf. reg. kaj la alparolo de la prezidanto, S-ro Moureu esprimis siajn favorajn sentojn por nia movado. Sekvis la disdonado de la premioj al la multnombraj laŭreatoj. Je la fino de la kunveno, la reprezentanto de la ministro, meze de la aplaŭdoj, donis la titolon de Akademia Oficiro al S-ro Chavet kaj al S-ro Burlotte pro ilia fervora Esp. propagando. — P. E.

La 3. nov. okazis sukcesa kaj tre vizitita festo de la societo « Liberiga Stelo ».

*Genève.* La 3. nov. okazis ĉe la Aula de l'Universitato la solena disdonado de la premioj al la unua serio de la lernantoj ĉe la kursoj de S-ino Biske. Ĉeestis pli ol 500 personoj. Post alparoloj de S-ino Biske kaj de S-roj Hodler, Mallet, Poncet, deputato, Poncy, direktoro de la artmetia lernejo, estis disdonataj la premioj, kiujn ricevis reprezentantoj de kvin nacioj. Sekvis muzika parto tre ŝatata kaj kantado de diversnaciaj himnoj per Esperantista ĥoro de 40 personoj. Dua serio de ĉiutagaj kursoj tuj malfermiĝos.

*Saïgon.* Okaze de la jubileo de Esp., Esperanta ekspozicio estas malfermita komence de novembro.

*Amiens.* La 24. novembro okazis grava Esp. festo. Granda sukceso ; La Esp. parto de la koncerto entuziasmigis la aŭskultantaron (500 personoj). — E. P.

*Dresden.* En la monata kunveno de la Societo Esperanto, S-ro Agache, el Paris, faris lumbildan paroladon pri la « estonta urbo » kaj pri « hipermoderna arto en Francujo ». Ĉeestis anoj de ĉiuj Dresdenaj grupoj. — J. K.

**Esperantiaj regionaj kunvenoj.** — *Dresden.* La kunveno okazis la 16. novembro ; partoprenis 25 personoj, inter ili kiel gastoj S-roj Radeck, Del. en Dresden, kaj Sohrmann, Subdel. Weinbœhla. S-ro Karsch, Del., salutinte la ĉeestantojn faris sian raporton, citis diversajn speciale gravajn servojn faritajn al eksterlandaj Esp.-ianoj kaj montris la kreskantan progreson de U. E. A. en Dresden (54 servoj, 18 vizitantoj, 468 korespondajoj). Sekvis raportoj de S-roj Tessner kaj Radeck pri diversaj interesaj servoj. S-ro Sohrmann konstatis la sukceson de la gvidfolio de Weinbœhla, mendita de sufiĉe multaj Esp.-ianoj. Laŭ la propono de la Del., la kunveno decidis la eldonon de nova gvidfolio por Dresden. Post respondo al kelkaj demandoj de la ĉeestintoj, la Del. fermis la kunvenon je la 11 h. kun alvoko por plua vigla laboro por Esp. kaj U. E. A.

*Gravenhage,* Ĉe la kunveno kiu okazis la 16 novembro, la Del. raportis pri sia agado kaj la faritaj servoj. S-ro Liermans, en la nomo de la kunvenintoj, dankis la Del. pro la raporto, kiu estis aprobata. La kunvenon ĉeestis 13 Esp.-ianoj kaj multaj nemembroj.

*Bradford.* Kunveno okazis la 21. novembro. La Del. legis pri la stato de U. E. A., la financa reformo kaj la loka agado raporton, kiu estis akceptata. Oni diskutis la financan reformon, sed neniu proponis rezolucion pri ĝi.

*Barcelono.* Ĉe la kunveno okazinta la 24. novembro ĉe la societo « Paco kaj Amo », oni aŭdis la raporton pri U. E. A. kaj la loka agado ; poste okazis la kontrolado de la voĉoj pri baloto de Del.

*Krefeld.* La kunveno okazis la 7. novembro. S-ro Borgermann, Del. raportis pri la IIIª Kongreso de U. E. A. kaj la agado de U. E. A. La raporto estis akceptata. La malgranda ekspozicio el vidindaj eksterlandajoj, zorge kolektitaj de la Del., estis mirinda. Ĝi celas helpi la efikon de propagandaj paroladoj pri U. E. A. Ĉiuj estintaj membroj realiĝis kaj promesis helpi al la disvastiĝo de U. E. A.

*Huddersfield.* Ĉe la kunveno okazinta la 23. novembro, S-ro Clarkson, Del., legis sian raporton, kiu estis aprobita. Kelkaj membroj iris alilanden kaj uzis la servojn de U. E. A. tre profite. Sekvis diskuto pri la metodo de kuponoj kiel pagiloj de la servoj. Ĉar 11 leteroj ricevitaj dum la pasinta jaro estis preskaŭ nekompreneblaj pro la malbona stilo de la skribintoj, oni petis la C. O. de U. E. A. ke ĝi zorgu pri la elektado de Del,. kiuj estas ofte la solaj personoj, kiuj povas doni informojn.

*Sabadell* La kunveno okazis la 1. novembro, D-ro Martorell, Del., raportis pri sia agado kaj la regiona kaso. Oni poste diskutis pri la financa reformo, pri regula kunvenado de la Esp.-ianoj kaj pri reciproka kunlaborado kun Esp. societoj.

(Resumita el protokoloj). *(Daŭrigola.)*

## DIVERSAĴOJ

∴ *Esperanto sur ŝipoj.* — Esperantaj gazetoj kaj propagandiloj estas troveblaj ĉe la diversaj surŝipaj librejoj de la fama kompanio *Hamburg-Amerika Line,* kies estroj favoras nian lingvon. — B. E.

∴ *Esperanto ĉe socialistoj.* — En sia parolado ĉe Shoreditch (Anglujo). Hervé, la konata franca socialisto, admonis la laboristojn lerni Esperanton, kaj instigis ilin alpreni favoran decidon pri Esp. en la en la venonta internacia socialista kongreso.

∴ *Diservoj en Esperanto.* — Interesa novajo alvenas al ni el Londono. Esperantaj Diservoj okazos en la konata preĝejo Harecourt, Canonbury, London. N. la duan dimanĉon en ĉiu monato je 3 h. 15 ptm. La propravolan inviton de la Herecourt'a ĉefmembraro, ke la londona esperantistaro trovu ĉe ili religian hejmon (fakto unika en la historio de Esperanto) oni ŝuldas al la fervoraj klopodoj de S-ro H. C. Philip kaj la simpatio de la klera pastro Rev. Glanant Davies. La unua diservo okazos la 8. decembro. La Diservoj kompreneble estos tute nesektaj laŭ karaktero, tiel ke ĉiu povos ilin partopreni sen ofendo al la konscienco. — B. E.

∴ *Niaj artikoloj.* — La lastan semajnon tri naciaj gazetoj represis tradukon el nia gazeto : *De Avondpost* (Nederlanda, 30 nov.) pri la artefarita lakto (en Esp.) ; *Le Corrézien* (1-2 dec.), traduko de « Homa malsaĝeco » ; *Le Populaire du Centre* (29 nov.) pri la artefarita lakto kaj ĝiaj sociaj konsekvencoj (ĉefartikolo).

∴ *Esperanto en la Parlamentoj.* — En la dua ĉambro de la Saksa Parlamento antaŭ anoj de ĉiuj partioj estis antaŭnelonge prezentataj esperanto-gelernantoj el la popollernejo en Dœhlen ; tiu ĉi prezentado tre interesis kelkajn parlamentanojn, kaj en kunsido de la nomita ĉambro la parlamentanoj Steche kaj Rentsch parolis por la enkonduko de Esp. en la saksajn popollernejojn.

## TRA LA GAZETARO

.˙. *Lingvo Internacia* (nov.). Sub la titolo « Ŝtoniĝo de la lingvo » (Th. Cart) :

..... Normala, senrompa povas esti la evoluado, nur se ĝi estas tute trankvila kaj natura.

Febreca agitado ne estas vivo, sed ofte la signo de komenciĝonta defalo.

Tro rapida kreskado disigus, por tiel diri, la branĉaron de la firma trunko kaj de l'radikoj. Dum kelka tempo tre bela, tre verda ŝajnus eble la foliaro, sed baldaŭ ĝi velkus, sekiĝus kaj kun ĝi mortus la tuta arbo.

Antaŭ ol enkonduki novan vorton, ĉiu do demandu sin, ne nur, ĉu ĝi ŝajnas al *li* necesega, sed kiamaniere oni tradukus en aliajn naciajn lingvojn la ideon, kiun li deziras esprimi. Plej ofte li konstatos, ke tiuj lingvoj alportas al li solvon, kiu tute ne necesigas la kreon de nova radiko.

Oni ne forgesu aliparte, ke la riĉeco de lingvo ne konsistas nur en la multnombreco de la vortoj, sed ofte kaj ĉefe en ilia *elasteco*.

Granda merito, granda supereco de Esperanto super ĉiuj artaj lingvoj estas precize tia elasteco, dank'al kiu nia ĉiutaga lingvo fariĝis viva kaj natura.

Tiun elastecon ni konservu ĵaluze kaj ni zorge evitu rigidiĝi — *vere ŝtoniĝi* — la lingvon per tro severa, tro mallarĝa difino de ĉiu radiko...

.˙. *Le Monde Espérantiste* (nov.). Sub la titolo « La nunaj devoj » (L. Lamant) :

..... Oni scias nun, ke la Kongreso de U. E. A. aprobis plialtigon de la kotizaĵo ĝis 1 Sm.

Pri U. E. A. la afero estis tute simila, kiel pri S. F. P. E. Per tro malalta kotizaĵo, ĝi ne povis vivi. Sekve, la ĵusa plialtigo nin ne forigu. Ni pagu gaje 1 Sm.

Bedaŭrindega estus la morto de U. E. A. Ĝi eniras ĉiutage pli profunden en la internacian vivon. Ĉiutage mi ricevas, kiel Delegito, korespondaĵojn, kiuj pruvas al mi, ke ĉie ĝi mirinde disvastiĝas, ke ĉiam pli kaj pli, gravaj firmoj ĝin uzas.

Kaj tiom pli utila ĝi estos, kiom pli alta estos la kotizaĵo. Ĝi povos starigi novajn servojn kaj pli bone organizi kaj kontroli la jam ekzistantajn.

Ni do tuj repagu! Ni ebligu senhaltajn progresojn kaj konstantan pliperfektiĝadon...

.˙. *La Internacia Abstinenta Observanto* estas la nomo de nova oficiala organo de la Tutmonda Esp. Bontemplana Asocio. (Redakcio : G. Brockhof, Bomlitz, Hannover).

.˙. La jenaj Esp. gazetoj presigis favorajn notojn pri U. E. A : *Brazila Esperantisto* (okt.), *Belga Esperantisto* (okt.), *La Langue Internationale* (nov,), *La Kulturo* (nov.), *Amerika Esperantisto* (nov.), *Bulletin Officiel de S. f. p. E.* (dec.), *Lingvo Internacia* (nov.), *Monde Espérantiste* (nov.).

.˙. Favoraj artikoloj kaj notoj aperis en *Deutsche Warte* (24 nov.), *Schlesiches Tageblatt* (17 nov.), *Rhein u. Ruhrzeitung* (Duisburg, 16 nov.), *Münster Anzeiger* (15 nov.), *Bayreuther Tageblatt* (16-17 nov.), *Dresdener Nachrichten* (15 nov.), *General Anzeiger* (Halle, 14 nov.), *Wormser Volkszeitung* (18 nov.), *Münchener Neueste Nachrichten* (24 nov.), *Pfaelzischer Kurier* (18-19 nov.), *Schwœbischer Merkur* (Stuttgart, 20 nov.), *Breslauer Zeitung* (28 nov.), *Grazer Tagblatt* (27 nov.), *Schlesiches Tageblatt* (21 nov.), *Hildesheimer Tageblatt* (22 nov.), *Allgemeiner Wegweiser* (Berlin, 31 nov.), *Dresdener Anzeiger* (20 nov.), *Neues Tagblatt* (Stuttgart, 20-23 nov.), *Badische Landeszeitung* (Mannheim, 21 nov.), *Neue Lodzer Zeitung* (29 nov.), *Neue Gœrlitzer Anzeigèr* (20 nov.), *Swickauer Tageblatt* (22 nov.), *Il Piccolo* (Trieste), *Ons Maandblad* (Amsterdam, nov.), *A. Bandeira* (Baia, 31 okt.), *Le Journal de Genève*, *L'Express de Genève* (4 déc.), *La Tribune de Genève*.

.˙. *L'Indicateur des Etrangers de Cannes* komencis enpresi regulan rubrikon en kaj pri Esp., redaktitan de S-ro Cresp, nia fervora Del. en Cannes.

.˙. Longaj artikoloj pri Esp.. okaze de la tie organizita ekspozicio, aperis en *Le Courrier Saïgonnais* kaj *l'Opinion* (Saïgon).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

### OFICIALA INFORMILO

**Balotado de la Delegitoj.** — Konforme al la Statuto la balotado de la Delegitoj kaj Vicdelegitoj devis okazi en ĉiuj regionoj, kie estas minimume 20 membroj. Ni ĉi-sube publikigas la jam ricevitajn rezultatojn de tiuj balotoj. La balotoj okazis je la absoluta plimulto de la voĉdonintoj.

En la suba tabelo la unua cifero, post la nomo de la regiono, montras la nombron de la membroj, la dua la nombron de la voĉdonintoj. La substrekitaj nomoj montras la ĝisnunajn Delegitojn.

D. = Delegito. — V. D. = Vicdelegito. — E. = Elektita.

Barcelona. — 22 ; 18. — D. : *B. Bellver*. 12 E. ; J. Trobat 4 ; J. Bausells 1, F-ino Vilaro 1. — VD. : ne elektita.

Beaune. — 28 ; 14. — D. : *Bord* 13 E. — VD. : *Pion-Muller*. 13. E.

Bordeaux. — 29 ; 10. — D. : *Ch. Brunet*, 9. E., Marly 1 ; VD. : *Marly* 7. E. ; Marquet 1.

Boulogne-sur-Seine. — 21 ; 16. — D. : *G. Chautaz* 15. E. — VD. : *E. Lambert* 13 E.

Bradford. — 52 ; 19. — D. : *A. Tuke Priestman* 19. E. — VD. : *J.-T. Holmes* 17 E. ; R. Whitaker 1 ; L. E. Williams 1.

Danzig. — 108 ; 11. — D. : *S-ino A. Tuschinski* 11. E. — VD. : *S-ino P. Kress* 11. E.

Dijon. — 63 ; 23. — D. : *Th. Rousseau* 22. E. ; D-ro Blanc 1. — VD. : Ferrain 12 E. ; *D-ro Blanc* 8 ; F-ino Pont 3.

Dresden. — 132 ; 18. — D. : *J. Karsch* 18. E. — VD. : *M. Tessner* 16. E. ; Schmieder 1.

Essen/Ruhr. — 33 ; 16. — D. : *F. Pillath* 16. E. — VD. : *E. Freitag* 16. E.

Gravenhage. — 62 ; 4. — D. : *H. C. Mees* 4. E. — VD. : *W. F. Lutter* 4. E.

Haarlem. — 29 ; 13. — D. : *J. H. Habermehl* 13. E. — VD. : *J. W. Sevenhuysen* 13. E.

Hannover. — 40 ; 30. — D. : *F. Roever* 30 E. — VD. : *O. A. Reinecke* 30 E.

Huddersfield. — 32 ; 12. — D. : *Flarkson* 12. E. — VD. : J. H. Fitton 6 E. ; *W. H. Hirst* 5 ; W. P. Roberts 1.

Kolozsvar. — 22 ; 11. — D. : *E. de Rakoczy* 11 E. — VD. : *Bela David* 11. E.

Kœnigsberg. — 24 ; 12. — D. : *J. Schwaiger* 12. E. — VD. : *D-ro K. Nitz* 12 E.

Krefeld. — 22 ; 12. — D. : *S. Boergermann* 10 E. ; D-ro Hausmann. — VD. : *J, Schumacher* 11 E.

Laval. — 21 ; 17. — D. : *G. Jégu* 16. E. — VD. : *G. Lesegretains* 16. E.

Letchworth. — 25 ; 8. — D. : *F. A. Goodliffe* 8. E. — VD. : F-ino Bartholomew 7. E.

Liverpool. — 30 ; 12. — D. : *G. D. Lewis* 12. E. — VD. : *C. Elliot* 10. E. ; Alvarez 1.

Londono. — 182 ; 19. — D. : *H. A. Epstein* 19 E. — VD. : *Ph. Kalisky* 19. E.

Lwow. — 28 ; 19. — D. : *B. Herold* 19 E. — VD. : W. Niznik. 19.

Madrid. — 21 ; 15. — D. : *Alonso Sanz Vicente* 15. E. — VD. : J. Raventos 15. E.

Neuchatel. — 23 ; 12. — D. : Ch. Perret 11. E. ; *G. Stroele* 1. — VD. : Schaerer 7. E. ; F-ino Schütz 3 ; Wenger 1 ; Hodel 1.

PARIZO. — 155 ; 43. — D. : J. Camescasse 43. E. — VD. : E. Robert 34. E. ; Gillet 7.

REVAL. — 33 ; 12. — D. : *J. Rosenberg* 12. E. — VD. : K. Haarbaud 9. E.

ROSTOV. — 23 ; 17. — D. : *F. M. Porosjukov* 16. E. ; M. L. Gutmand 1. — VD. : (elektotaj pli malfrue.)

ROTTERDAM. — 47 ; 9. — D. : *P. J. Vermaas* 9. E. — VD. : *F. Pakker* 9. E.

SABADELL. — 22 ; 7. — D. : *R. Martorell* 7. E. — VD. : M. Comas 7. E.

UFA. — 31 ; 31. — D. : *N. Foss* 31. E. — VD. : V. Zavjjalov 31. E.

WIEN. — 40 ; 19. — D. : *D-ro E. Sos* 19. E. — V. D. (neelektita).

En *San Feliu de Guixols* kaj *Kiew* la rezultatoj de la balotoj estas kontestataj ; la ricevitaj protestoj estos ekzamenataj de la C. O. de U. E. A.

Ni insiste petas la Delegitojn, kiuj ne ankoraŭ sendis al ni la protokolon de la balotado, ke ili bonvolu tion fari kiel eble plej rapide. Ni rememorias, ke rajtas partopreni en la baloto ĉiuj membroj dum *1912*.

En la supraj balotoj partoprenis 479 personoj el 1400 membroj recevintaj balotilon.

**Financoj.**

*Konteltiro de U. E. A. de Novembro 1912*

| Debito | Sm. | Kredito | Sm. |
|---|---|---|---|
| Loĝejo | 24.00 | Kotizajoj | 923.22 |
| Oficejo | 30.04 | Subtenantoj | 109.00 |
| Salajroj | 225.84 | Entreprenoj | 497.99 |
| Korespondado | 154.14 | Anoncoj | 242.49 |
| Materialo | 3 » | Reklama servo | 40.00 |
| Presajoj | 72.28 | Diversajoj | 1.00 |
| Diversajoj | 3.12 | | |
| | 512.42 | | 1.813.70 |
| *Saldo* | 1.301.28 | | |
| | 1.813.70 | | |

*Fakaj Kontoj*

| Debito | Sm. | Kredito | Sm. |
|---|---|---|---|
| Interŝanĝa Fako | 4.14 | Interŝanĝa Fako | 35.50 |
| | | Laborista Fako | 1.00 |
| | | Virina Fako | 6.50 |
| | | Studenta Fako | 4.00 |
| | 4.14 | | 47.00 |
| *Saldo* | 42.86 | | |
| | 47.00 | | |

*Donacoj al U. E. A. de 1. Julio ĝis 30. novembro 1912.* — Veelovskij Sm. 0.50 ; Malzacher Sm. 1.02 ; Poznjanskij 0.50 ; Szabuniewicz Sm. 46.50 (Parolado Parrish) ; Pagirev Sm. 1.02 ; Zent Sm. 1.06 ; Giraud Sm. 0.50 ; Novotny Sm. 0.50 ; Gracey Sm. 0.60 ; Ralph Sm. 0.64 ; Adams Sm. 9 ; malgrandaj Sm. 0.20. Entute Sm. 62 04.

**Statistiko.** — Jen la movado de la korespondajoj ĉe la C. O. de U. E. A. dum novembro 1912.

| Ricevitaj | Mandatoj | Forsenditaj |
|---|---|---|
| 1415 | 281 | 3838 |

Tuta sumo : 5534. Antaŭa monato : 4434. Antaŭa jaro (sama monato) : 3494.

**Etato de la Esperantianoj.** — Je la 1. Decembro estas enkasigitaj de la Centra kaso de U. E. A. 1099 kotizajoj + 54 subtenantoj.

*Fakaj membroj.* — *Interŝanĝa Fako :* 83 ; *Laborista Fako :* 4 ; *Virina Fako :* 19 ; *Studenta Fako :* 9.

**Ŝanĝoj.**

*Berlin* (Germanujo, Brandenburg). — D. : Christian Sostmann, inĝeniero, Otto Str. 11/III rechts.

*Odessa* (Rusujo). — D. : Eugenio Eduard Pill, bankoficisto, arbarscienculo.

*Portsmouth* (Anglujo). — DD. : W. G. A. Ede, 183 Chichester Rd.

*Rouen* (Francujo. Seine-Inf.). — D. : Jules Etard, rentulo, 14 Bd. Couchoise.

*Wunsiedel* (Germanujo, Bavarujo). — D. : Fritz Arzberger.

**Edsiĝoj** (pro forveturo aŭ aliaj kaŭzoj).

*Blaricum* (D. : S-ino M. Terwey v. Rees) ; *Burg* (D. : Beyer) ; *Merbes-le-Château* (SD. : Delavignette) ; *Navola* (S-ino Bishop) ; *Neckargartach* (D. : Merkle) ; *Prerov* (D. : Sarto) ; *Seilles* (SD. : Magis) ; *Telĉ* (D. : Kasaly) ; *Vilna* (D. : Juĥneviĉ, VD. : Baceviĉ) ; *Wimbledon* (D. : Hulme).

**Novaj Del. kaj Subdel.**

*Anstruther* (Skotlando). — D. : C. H. Maxwell, St. Ayles Crescent.

*Arad* (Hungarujo). — D. : D-ro Andreo Vegh, reĝa ŝtatfervoja sekretario, Uzletvezetœség I ; VD. : Kardos Béla, dentteknikisto, 15/I str. Aulich.

*Cupar* (Skotlando, Fife). — D. : Arthua Mackenzie, 16 Hill Crescent.

*Georgjevsk* (Kaŭkrzo, Terska obl.). — D. : Josef Przyborowski, inĝeniero, Aleksandrovskaja ul. d. Drobiŝev.

*Gollub* (Germanajo, Westpreussen). — D. : Hieronim Strzelecki, juĝeja asistanto, 20, Kirchenstr. ; VD. : Boleslaw Knast, komercisto, 15 Markt.

*Hagen* (Germanujo, Westfalen). — VD. : D. Hartenfels, 49 Arndtstr.

*Hamilton* (Skotlando). — D. : George W. Hare, Inland Revenue Office.

*Harrow-on-the-Hill* (Anglujo, Middlesex). — D. : Arnold Gracey, fervojisto, « Conway », Sussex Rd.

*Inhambane* (Orienta Afriko portugala). — D. : Fred. Schmutz.

*Kansanopisto* (Rusujo, Finlando). — D. : Heikki Tenkanem, instruisto, Impilohti.

*Murrhardt* (Germanujo, Virtembergo). — D. : Paul Merkle, pastro.

*Partick* (Skotlando). — D. : James A. Johnston, 16 Burnham Terrace, Scotstoun.

*Potschappel* (Germanujo, Saksujo). — D. : Walter Johne, instruisto 28 Dresdner Str.

*Ungvar* (Hungarujo). — D. : D-ro Andor Szœke, kuracisto, Kossuth-Tér.

**Esperantiaj Entreprenoj** (Por la jaro 1912-1913)

*(Daŭrigo).*

60. *Rotterdam*, Esp. Klubo de Tramistoj « La Verda Stelo ».
61. *Paderborn*, Heinrich Stœlting, maŝinvendejo.
62. *Moskvo*, Librœldonejo « Posrednik ».
63. *Moskvo*, Vegetera Societo.
64. *Moskvo*. — Moskva Tolstoja Societo.
65. *Eger*, Soc. de la germanaj Esp. en Eger.
66. *Wunsiedel*, Esp. Societo.
67. *Franzensbad*, Esp. Societo.
68. *Franzensbad*, Kuracurbo Franzensbad.
69. *Versailles*. Sindikato por Turismo.
70. *Toulon*, Esp. Societo « Tulona Espero ».
71. *Bad Reichenhall*, Fritz Mayerhauser, dissendejo de praktikaj novajoj.
72. *Dijon*. Presejo Jobard.
73. *Dijon*, Presejo Kooperativa.
74. *Dijon*, Duval-Menault, aĉetado kaj vendado de komercaj fondajoj.
75. *Dijon*, Biscuits Pernod, biskvitfabriko.